3a JARO NOVEMBRO 1910 1a NUMERO (25)

# BELGA ESPERANTISTO



MONATA REVUO



*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

redaktata de **VAN DER BIEST-ANDELHOF**, direktoro ; **LÉON CHAMPY, FRANS SCHOOFS** kaj **OSCAR VAN SCHOOR.**

ABONPREZO :

| | | |
|---|---|---|
| Belglando . . . | Fr. 4.— (Sm. 1.60) | |
| Eksterlando . . | Fr. 5.— (Sm. 2.—) | |
| Unu numero . . | Fr. 0.40 (Sm. 0.16) | |

Sekretariejo : 45, Kleine Beerstraat, (rue de la Petite Ourse), Antwerpen, Anvers.

Abonoj kaj Monsendoj : 20, Vondelstraat (rue Vondel), id.

Ĵurnaloj, broŝuroj, libroj : 26, Arendstraat (rue de l'Aigle), id.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

## Al niaj legantoj

**Belga Esperantisto** eniras hodiaŭ la 3an jaron de sia ekzistado.

Ĝi plenumas tre agrablan devon, dankante tutkore siajn fervorajn kunlaborantojn kaj ankaŭ sian fidelan abonantaron, kiu seninterrompe bonvolis ĝin kuraĝigi kaj subteni.

La programo de B. E. ne ŝanĝiĝos. La gazeto daŭrigos propagandi la Zamenhofan Esperanton kaj defendi la esperantistajn instituciojn.

La kutimaj rubrikoj ankaŭ estos konservataj. La literatura parto estos bone prizorgata ; en nia venonta numero ni publikigos skizon pri la famkonata teatrajo **Kaatje**, de Adv. Paul Spaak, esperantigita de nia kunlaboranto D-ro W. Van der Biest, kaj prezentota dum la 7a internacia kongreso de Esperanto (Antverpeno, 20-27 aŭg. 1911).

Tiu kongreso donos al B. E. grandan aktualecon. Ĉiuj informoj pri ĝi estos regule publikigataj ĉiumonate.

Unuvorte, B. E. nenion preterlasos por indiĝi je la konfido de siaj belgaj kaj eksterlandaj abonantoj, kaj esperas, ke, dum la jaro 1910-1911, ilia nombro kuraĝige pligrandiĝos. *B. E.*

## BELGA LIGO ESPERANTISTA

### ŜANĜO

La komitata kunveno ne okazos je dimanĉo la 20a Novembro, sed **la 27an de la sama monato**, en la **Café des trois Suisses** (speciala salono), **10, rue des Princes**, apud la Reĝa Operejo kaj la Centra Poŝtoficejo, Bruselo.

# La Gaja Studento

Laŭ la «Urbummellied»
*Studio auf einer Reis'.*

Esperanta teksto de
FRANS SWAGERS










REKANTAĴO







2\. Venas onkla poŝtmandat'
La unuan de l'monat';
La poŝtiston kun honor'
Tiras mi al mia kor'.

3\. Ho biero kaj kolbas'!
Plena estas mia kas';
Ho plezuro kaj fraŭlin',
Kiel mi amegas vin!

4\. Ĝoji pro la sankta pag',
Volus mi je ĉiu tag',
Sed la mono, ve, ho ve,
En la poŝo restas ne.

5\. En la mezo de l'monat'
Mi en l'Universitat'
Ofte studas kun fervor',
Ĉar la mono estas for.

6\. Glas' kaj poŝo sekaj nun!
Grava estas mia pun';
Do se mi amuzis vin
Volu vi regali min.

---

☛ Apartaj ekzempleroj estas aĉeteblaj en la « **Centra Esperantista Belga Oficejo** » 20, Vondelstraat, Antwerpen, (rue Vondel, Anvers).
Prezo : 10 centimoj.




De la aŭgusta numero, **Belga Esperantisto** malfermis specialan rubrikon pri la **Sepa internacia esperantista kongreso**, okazonta en **Antverpeno**, de la **20a ĝis la 27a de aŭgusto 1911**.

En la jena kajero estas represitaj la ĉefaj jam diskonigitaj informoj, por ke ankaŭ la novaj abonantoj estu informataj pri la agadoj, ĝis nun efektivigitaj de la organiza komitato.

— Tiu komitato, kiu alprenis la nomon **La Sepo por la Sepa**, estas kunmetita jene :

S-roj

**Van der Biest-Andelhof**, prezidanto de la Belga Ligo Esperantista, prezidanto ;

**Oscar Van Schoor**, farmaciisto, vicprezidanto ;

**D-ro W. Van der Biest**, okulisto, sekretario-kasisto, (Adreso : 76, Minderbroedersrui, Antwerpen — Canal des Récollets, Anvers) ;

F-ino **Maria Posenaer** ;

S-roj

Leŭtenanto **Fr. Dupont** ;

**Louis Ritschie**, ĉefoficisto de la Publika Instruado ;

**Fr. Schoofs**, komerca oficisto.

— Tial ke la laboro de la **Sepo** estas tre ampleksa, kaj por realigi kelkajn punktojn de la programo, bezonis, ke ĝiaj agadoj komencu de la 1a de junio.

— La grava morala kaj financa respondeco de la **Sepo** necesigas, ke ĝi kiel eble plej baldaŭ eksciu, kiom da enspezoj ĝi povos proksimume disponi. La materia organizado de la kongreso nepre dependas de ĝiaj monrimedoj. Samideanoj, vi ege faciligos la taskon kaj vi malpezigos la respondecon de la organizantoj, ne prokrastante alsendi vian aliĝon !

La prezo de la kongreskarto estas Fr. 12,50 = Sm. 5.—

Por ricevi ĝin, oni estas petata sin turni al la sekretario — kasisto, kaj aldoni la ĉi supre cititan sumon, ĉu ĉeke, ĉu

poŝtmandate, kaj plenigi la aliĝilon presitan sur la 5a paĝo de la kovrilo. Ankaŭ la transpagiloj de la Ĉekbanko Esperantista estas akceptataj.

Poŝtrevene la subskribintoj ricevos sian provizoran kongreskarton, ŝanĝotan ĉe la kongreso kontraŭ definitiva, artplena ekzemplero.

— Jam antaŭ la 4a de novembro 200 esperantistoj aliĝis, kies nomaro sekvas. La jenaj grupoj enskribiĝis aparte : *Antverpena Grupo Esperantista*, *La Verda Stelo* (Antverpeno), *Suda Lumo* (id.) kaj *Boom'a Grupo Esperantista*. Jen laŭdinda kaj imitinda ekzemplo, kiun espereble ĉiuj esperantistaj societoj sekvos.

— Nia kara Majstro D-ro Zamenhof kaj S-ino Zamenhof promesis ĉeesti la kongreson, verŝajne kun sia filino F-ino Sofio kaj sia filo S-ro Adamo.

— La **Sepo** jam akiris la certigon de la morala kaj financa sukteno de la Urbestraro kaj de la kunhelpo de **Anvers-Réclame**. Interkonsente kun tiu organismo ĝi presigis kaj disdonas 10000 tre elegantajn, bele ilustritajn 32 paĝajn broŝurojn pri Antverpeno kaj la kongreso, el kiuj 2000 estas senditaj al Washington. La aliaj estos sendataj senpage al ĉiuj, kiuj jam ĉeestis minimume unu tutmondan kongreson. La ceteraj estas vendataj po 25 centimoj = 10 spesdekoj.

— S-ro Gabriel Chavet faris tre sukcesintan paroladon pri Antverpeno kaj la 7a kongreso en Washington, sekve de kiu multaj Amerikanoj promesis sian aliĝon. Citinde estas, ke je tiu okazo S-ro Chavet uzis lumbildojn, afable pruntedonitaj de la Antverpena urbestraro.

— La **Sepo** eldonas reklampoŝtmarkojn pri la kongreso ; specimeno estas montrata ĉi flanke. Ili kostas, 100 ekzempleroj en unu koverto, 1 frankon = Sm.0.4. Oni bonvolu ilin mendi, skribante al la sekretario-kasisto de la Sepo.




Rabato de 25 % estas donata al la disvendistoj, kiuj mendos minimume 10 kovertojn.

— Kiel kutime okazos dum la kongresa semajno fakaj kunsidoj.

— La Sepo organizos **literaturan konkurson**, pri kiu detaloj eble jam estos diskonigataj la proksiman monaton.

— Inter la okazontaj festoj estas jam decidite pri prezentado de la teatraĵo **Kaatje**, de S-ro Advokato **Paul Spaak**, esperantigita de **D-ro W. Van der Biest**. La libro, eldonata de la firmo **Hachette & Cie**, aperos baldaŭ (Vidu la anoncon). Ankaŭ okazos la kutima balo, aŭdigo de Flandraj kantoj kaj festa disdono de la premioj de la literatura

konkurso. Pristudataj estas esperantista revuo, kaj koncerto por sonorilaro. La organiza komitato klopodos por havigi al la kongresanoj la liberan eniron de la Reĝa zoologia ĝardeno dum la tuta esperantista semajno.

— Kursoj pri Esperanto estos baldaŭ malfermataj por policoficistoj kaj la interpretontoj de **Kaatje**, geaktoroj de la Reĝa Flandra Teatro.

— Pri la monumento starigota por glori Esperanton, projektita de S-roj **O. Van Schoor** kaj **Fr. Schoofs**, oni bonvolu legi la sekvantan cirkuleron.

**La Sepo** esperas ke la **Sepa** estos multnombre ĉeestata, kaj nenion preterlasos, por ke la kongreso estu inda je la ses antaŭaj kaj je la konata gastameco de la artama Antverpeno.

---

# CIRKULERO

Antverpeno, la 20an de aŭgusto 1910.

*Al la Esperantistoj en ĉiuj landoj !*

Karaj Gesamideanoj,

Antaŭ kelkaj tagoj, la subskribintoj sendis al la tutmonda Esperantistaro cirkuleron petantan enskribojn por starigi en Antverpeno, okaze de la VIIa Internacia Esperantista Kongreso, monumenton je la honoro de la ideo de Esperanto.

De tiu tempo ni interrilatis, ĉu skribe, ĉu parole, kun esperantistoj el diversaj mondaj partoj, kiuj komunikis al ni sian opinion pri nia ideo. Ĉar la ĝenerala opinio estas, se oni starigus tian monumenton, ke tio okazu : ĉu en Boulogne-sur-Mer, kie okazis la unua Kongreso, — ĉu en Hago, la ĉefurbo de la Paco, — ĉu en Varsovio, kie naskiĝis Esperanto ; ĉar ni ne volas kontraŭstari la personan opinion de nia kara Majstro ; ĉar aliflanke oni ankaŭ atentigis nin pri tio, ke la tempo por aranĝi ĉion rilatantan la efektivigon de nia projekto ne estas sufiĉe longa ; pro tiuj diversaj kaŭzoj ni petas ĉiujn Esperantistojn konsideri nian cirkuleron kvazaŭ ne sendita. Malgraŭ nia treega deziro, ke nia ideo efektiviĝu en Antverpeno, ni tamen interkonsentos kun la ĝenerala opinio kaj ni petas ĉiujn samideanojn konsideri nian projekton — kiu cetere estas tute privata afero — **kiel ne efektivigebla tiun ĉi jaron.**

Ni dankas ĉiujn samideanojn kiuj jam interrilatis kun ni, kaj nin certigis pri aliĝo al nia ideo, kaj ni prezentas al la tutmonda Esperantistaro nian samideanan kaj tutkoran saluton.

Oscar VAN SCHOOR,
Frans SCHOOFS.

Ni tre petas la esperantistajn gazetojn, ke ili bonvolu enpresi la supran cirkuleron, kaj ni ilin tutkore antaŭdankas.

# Nomaro de la kongresanoj, aliĝintaj antau la 4a de novembro 1910.

1. D-ro Zamenhof, L. L., ul. Dzika, 9, Warszawa, (Pol.)
2. S-ino L. L. Zamenhof, » » » »
3. Van Schoor, Oscar, farmaciisto, Vondelstraat, 20, Antwerpen, (Belg.)
4. Schoofs, Frans René, komerca oficisto, kleine Beerstr., 45, » »
5. De Keuckelaere, Henri, buĉisto, Isabellalei, 5, » »
6. Van der Biest-Andelhof, Amatus, Arendstraat, 26, » »
7. S-ino Van der Biest-Andelhof, » » » »
8. Ritschie, Louis, oficejestro de la Publika Instruado, Barreellei, 5, » »
9. D-ro Van der Biest, Willem, okulisto, Minderbroedersrui, 76, » »
10. Van de Stadt, John, de Keyserlei, 12, » »
11. Schumacher, Leon, distilisto, Lozanestraat, 219-221, » »
12. F-ino Posenaer, Maria, Kroonstraat, 45, Borgerhout, »
13. Bernaert, Nerée, leŭtenanto, Biartstraat, 53, Berchem-Antw. »
14. F-ino Solvyns, Leona, Muizen-bij-Mechelen, »
15. F ino De Cock, Henriette, Hofstraat, 101, St Niklaas-Waas, »
16. Dupont, François, leŭtenanto, Mercatorstraat, 78, Antwerpen, »
17. Leseul, Raymond, oficisto, De Bomstraat, 17, » »
18. D-ro Leconte, Paul, kuracisto, Verbondstraat, 21, » »
19. S-ino W. Van der Biest, Minderbroedersrui, 76, » »
20. F-ino Moreau, Maria, rue du Congrès, 27, Bruxelles, (Belg.)
21. Witteryck, A. J., presisto-eldonisto, Nieuwe Wandeling, 4, Brugge, »
22. F-ino Ledène, Bertha, oficistino, Speelmansrei, 10, » »
23. Bourlet, Carlo, profesoro, rue Raynouard, 56, Paris, (Franc.).
24. White, Cedric F., komercisto, Clerkenwall Rd., 25, E. C. London, (Angl.)
25. Rieniets, Otto, studento, Van Beethovenstraat, 22, Antwerpen, (Belg.)
26. Siemens, Andreas, studento, Van Aerdtstraat, 6, » »
27. de Vries, Bernhardt, studento, de Pretstraat, 66, » »
28. Ringelmann, Eugen, studento, de Keyserlei, 17, » »
29. Relavisse, Joseph, studento, rue d'Harscamp, 16, Liège, »
30. Ide, Gaston, masaĝisto-ortopedisto, Kathelijnevest, 8, Antwerpen, »
31. S-ino O. Van Schoor, Vondelstraat, 20, » »
32. Pinagel, Victor, komercisto, Lütticherstrasse, 38, Aachen, (Germ.)
33. F-ino Fraenkel, Selma, oficistino, Adelbertsteinweg, 264. » »
34. Sebert, Hippolyte, generalo, rue Brémontier, 14, Paris, (Franc.)
35. S-ino Sebert, » » »
36. Chaussegros, Vincent, Place Jussieu, 3, » »
37. von Frenckell, Karl, inĝeniero kaj bankisto, Comeniusstrasse, 79, [Dresden (Germ.)
38. D-ro Brandligt, Rudolf, kuracisto, Albert Grisarstr., 32, Antwerpen (Belg.)
39. D-ro Arnhold, Heinrich, bankisto, Waisenhausstrasse, 20, Dresden, (Germ.)
40. D-ro Mybs, Eduard, kuracisto, Marktstrasse, 68, Antona a/E. »
41. S-ino Mybs, » » » »
42. S-ino Hankel, Maria, Nicolaistrasse, 18, Dresden, »
43. Ader, Friedrich, eldonisto, Zahnsgasse, 12, » »
44. Winkelmann, Sergius, portretpentristo, Gewandhausstr., 3, » »
45. Millidge, Edward-Alfred, jurnalisto, Upland, Rd, 340, Dulwich, London, (Angl.)
46. Harris, Herbert, Congres Street, 730, Portland-Maine, (U.S.A.)
47. F-ino Mackenzie, Agnes Brown, jurnalistino, Montpellier Park, 57, Edinburgh, (Skotl.)
48. Warden, John, aktuaristo, St Andrew Square, 38, » »
49. D-ro Briquet, kuracisto, rue Nationale, 51, Armentières, (Franc. Nord)
50. Meyer, Samuel, rue Villeneuve, 2, La Rochelle, (Franc.-Charente)
51. Hipsley, F. W. South. Rd. 154, Erdington, Birmingham, (Angl.)

52. Cuvelier, Ernest, farmaciisto, Potgieterstraat, 3, Antwerpen, (Belg.)
53. Anding, Theodor, komercisto, Pestalozzistr., 75, Charlottenburg, (Germ.)
54. Lécorché, Louis, lernejdirektoro, rue des Fontaines, 26, Romilly s/S.(Fr. Aube)
55. S-ino Lécorché, instruistino, » » »
56. F-ino Lécorché, » » » »
57. Perrin, G., presisto, rue de Rome, 8, Calais, (Fr. Pas-de-Cal.)
58. Lannelongue, J., rue Gounod, 15, Saint-Cloud, (Fr. S. & O.)
59. S ino Kuntner, Alice, Pilnitzerstr., 10, Löschwitz, Dresden, (Germ )
60. S-ino Süssermann, Margarete, Camelienstr. 13, » »
61. S-ino Menzer,Martha,rentulino,Eichbergstr.,6,Cossebaude » »
62. S-ino Diou-Trouillon, Lycée Carnot, rue Viète, Paris, (Fr.)
63. F-ino Hubert, Marie, lernejestrino, rue Barbès, Bourges, (Fr. Cher)
64. *Antverpena Grupo Esperantista, (subskribis 25 frankojn = Sm. 10.– ) sekr. Lange Herenthalsstr., 19, Antw.(Belg.)*
65. *Verda Steto, esper-grupo, (subskribis 25 frankojn = Sm. 10.—) sekr. kl. Beerstraat, 45,* » »
66. D-ro Broeckaert, Wilfrid, kuracisto, Lange Beeldekensstr., 17. » »
67. Tyck, Joseph, instruisto, Kte Herenthalsstr., 23, » »
68. D-ro Gunzburg. Isid., kuracisto, Kte Herenthalsstr., 23, » »
69. Servais, Maurice, kambiisto, Charlottalei, 31, » »
70. D-ro Kaadt, Moritz, sindiko de la Komerca Ĉambro, Neuer Markt, 8, Bromberg, (Germ.)
71. Van Dieren, Edmond, advokato, Zwartzusterstr., 10, Leuven, (Belg.)
72. Pastro Richardson, Austin, profesoro, Institut St Louis, rue du Marais, Bruxelles, (Belg.)
73. F-ino Lawrence, E. A., Bank Buildings, Kingsway, London, (Angl.)
74. Mattes, Josefo, inĝeniero, Rondo S. Pedro, 35, Barcelona, Hisp.)
75. F-ino Hommel, Marie, Reichenbacherstr., 7, Dresden (Germ.)
76. Le Beck, Henri,vitraĵisto-enkadrigisto,Dambruggestr.,87,Antwerp.(Belg.)
77. Brunet, Charles, Cours Victor Hugo, 59, Bordeaux, (Fr.)
78. D-ro Fiŝer, Andreo, kuracisto, Sudebnaja str., 15, Tiflis, (Rus.-Kaŭkazo)
79. Naalsund,John O., poŝtoficisto, Baahusgade, 4, Trondhjem, (Norv.)
80. Baire, G., inĝeniero, rue des Pipots, 74, Boulogne s/M., (Fr. P.-d.-C.)
81. Linarès, Paul, Hto S. Basilio, Cordoba, (Hisp.)
82. F-ino Turgas, Gertrud, Förstereistr., 14, Dresden, (Germ)
83. Cart, Théophile, profesoro, rue Soufflot, 12, Paris, (France)
84. Bruijn, J. L., librovendisto, Weimarstraat, 225, den Haag, (Ned.)
85. F ino Fryer, Helen, Calais Gate, 20, Camberwell, London (Angl.)
86. F-ino Fryer, Annie, Talford Grove, 7, West-Didsbury-Manchester »
87. D-ro Ŝimonek, Bedrick Karel, dentisto, Blue Island, Av. 1669, Chicago-Ill. (U. S. A.)
88. Yelland, Ernest Edward, trinkejestro, Chapel Street, 16, Stonehouse-Plymouth, (Angl.)
89. Gottgetreu, Paul,bankisto, Rundestrasse, 13, Hannover, (Germ.)
90. Roome, George William, instruisto, Psalter Lane,214, Sheffield, (Angl.)
91. Anfroy, Ernest, instruisto, Place de la Forge, 1, Saint-Leu, (Fr. S. & O.)
92. Pieper, Hermann, studento, Van Hombeeckstr.,8, Berchem-Antw. (Belg).
93. Neubert, Romanus, komercisto,Christian Weissestr., 22, Leipzig,(Germ).
94. D-roVan Melckebeke,Edmond, ĥemiisto, Kunstlei, 22, Antwerpen, (Belg.)
95. D-ro Van Melckebeke, Raym. ĥemiisto, » » »
96. F-ino Herickx, Gabrielle, Sanderusstraat, 33 » »
97. F-ino De Kock, Maria, Warandestraat, 19, Berchem, » »
98. Giffroid, Servais, militista oficejestro,Van Diepenbeeckstr.26, » »
99. F-ino Giffroid, Céline, » » »
100. Van Os-De Wolf, presisto, De Bomstraat, Antwerpen, (Belg.)
101. de Saussure, René, profesoro, rue de la Bourse, 10, Genève, (Svis.)
102. S-ino de Saussure, » » » »

103. F-ino De Schutter, Clémence, profesorino, Lange Congostraat, 26,
[Antwerpen, (Belg.)
104. F-ino Wuyts, Rosa, instruistino, Brantstraat, 6, » »
105. S-ro Swagers, Frans, profesoro, Delinstraat, 57, » »
106. S-ino Swagers, » » »
107. Sach, Herbert, oficisto, « Rosemary », Shirley Road, Croydon, (Angl.)
108. Bornstein, Clemens, komercisto, Hemelstr., 39, Antwerpen, (Belg.)
109. Epstein, Felix, bankoficisto, Grindelallee, 5, Hamburg, (Germ.)
110. Brahm, Thiel, komercisto, Mercatorstraat, 56, Antwerpen, (Belg.)
111. Bastin, Math., komercisto, Korte Clarenstraat, 111. » »
112. Drudin, François, Boulevard du Nord, 93, Lyon. (Fr.-Rhône)
113. Ford, James, vinvendisto, Cluny Drive, 30, Edinburgh, (Skotl.)
114. D-ro Rohrbach, Karl, lernejestro, Galbergsweg, 6, Gotha, (Germ.)
115. Van Dam, J. F., komercisto, van Galènstraat, 38, den Haag, (Ned.)
116. Vermaas, P. J., arhitekto, Schermlaan, 42 a., Rotterdam, (Ned.)
117. Swinkels, P. J. oficisto, Houttuin, 27, » »
118. Van Twisk, J. H. cigarvendisto, Boompjes, 70, » »
119. S-ino Broymans-De Schutter, profesorino, L. Congostr., 26, Antw. (Belg.)
120. F-ino Emery, Antoinette. oficistino, rue de la Bourse, 10, Genève,(Svis.)
121. Chavet, Gabriel, sekr. de la Esp. Centra Oficejo, rue de Clichy, 51,
[Paris, (Franc.)
122. Rollet de l'Isle, Maurice, marista ĉefinĝeniero, rue du Sommerard, 35,
[Paris, (Franc.)
123. Freeriks,Rudolf, bankprokuristo, Helmholtzstrasse,7, Düsseldorf.(Germ.)
124. Menalda, Hendrik, poŝtoficisto, Bergstraat, 3, Deventer, (Ned.)
125. Pulvers, Charlotte, Dornachestrasse, 154, Basel, (Svisl.)
126. Privat, Edmond, Florissant, 10, Genève, »
127. Clerbaut, Jules, asekuristo, Groenhofstr., 25, Boom, (Belg.)
128. S-ino Clerbaut » » » »
129. Struyf-Rypens, Charles, komercisto, Hoogstr., 12, 13, 14, » »
130. S-ino Struyf-Rypens, » » » »
131. *Boom'a Grupo Esperantista, Sekr. Molenstraat, 16,* » »
132. Van Roosbroeck, Jozef, oficisto, Montignystr. 27, Antwerpen (Belg.)
133. Van Derstappen, Fernand, Verbindingsdok, 12, » »
134. Jacobs, Jan, instruisto, Boomsche steenweg, 444, » »
135. Hoffmeister, Albert, komercisto, Colonnaden, 41, Hamburg, (Germ.)
136. Sandt, Emil, jurnalisto, Kiebitzstr, 64, » »
137. Degon, Paul, prokuratoro ĉe la Apelacia Kortumo, rue St. Eloi, 17,
[Douai, (Fr.-Nord.)
138. Borel, Jules, eldonisto, Lindenstr., 18-19, Berlin (Germ.)
139. Forestier, Jules, eks-rezidento en Hindo-Ĥinujo, av. Pichet de Rochemont, 23. Genève (Sv.)
140. Van Drumen, James, universitata profesoro, rue des Champs-Elysées, 9,
[Ixelles, (Belg.)
141. Heidendal, Leo, oficejestro, Esperanta Hejmo, Arendonck »
142. Priestman, Alfred, Tuke, Walbury Drive, 7, Bradford, (Angl.)
143. Goodliffe, Fred. Arn. esperanta entreprenisto, Bridgford Road,46,Not-
[tingham (Angl.)
144. S-ino Goodliffe, » » »
145. Höveler, Herbert, industriisto, Christchurch Rd. Streatham Hill, 45,
[London, (Angl.)
146. S-ino Höveler, » » »
147. Pastro Rust, John Cyprian, vicarage, Soham »
148. S-ino Rust, » » »
149. Pastro Bianchini, Giocomo, Fontanafredda-Udine, (Ital.)
150. Tarnow, P. inĝeniero, Brucherschulstr., 6. Barmen, (Germ.)
151. F-ino Boon, Nella, instruistino, Koningin Emmakade,96, den Haag (Ned.)
152. Ziermans, Jan, librotenisto, Renbaanstr., 95, Scheveningen, »

153. Harvey, William, civila servisto, Comiston Drive, 31, Edinburg, (Skotl.)
154. Phillimore, William, eksinstruisto, Earlsfield Rd, 65, Wandsworth, London, (Engl.)
155. *Suda Lumo, grupo esper, sek. : Lange Achteromstraat, 46, Antwerpen (Belg.)*
156. de Montigny, Alphonse, komercisto, Groenplaats, 37, Antwerpen, (Belg.)
157. D ro Stanišić, Paŭlo, advokato, Vinkovci, (Hung.)
158. Crofts, Freeman W. inĝeniero, Railway Station, Coleraine, (Irl.)
159. Delgrange, Arthur, vojoficisto, rue route-Ville basse, Bouchain, (Fr. Nord)
160. Junge,Karl,librovendisto,Seybold's Buchhandlung,Ansbach,(Germ.-Bav.)
161. Drion,Nicolas,rezervleŭtenanto,Leemstr.E.M.144, Berchem-Antw.(Belg.)
162. F ino Van Cauwenberghs, Marguerite, Molenstr., 47, Antwerpen, (Belg.)
163. F-ino Van Cauwenberghs, Berthe, » » »
164. F-ino Munro, Annie, LondonStr. 39, Edinburgh. (Skotl.)
165. D-ro Stromboli, Alfredo, ĥemiisto, Via Assarotti, 54-15, Genova, (It.)
166. Maraury, Roberto, doganestro, Noya-Coruna, (Hisp.)
167. F-ino Schoofs, Jeanne, Kl. Beerstraat, 45, Antwerpen, (Belg.)
168. Verbeken, Auguste, oficisto, rue du Collège, 12, Namur, »
169. Bredall, John, sekretario, Birdhurst Road, 3, Croydon, (Angl.)
170. Abato Lambo, Al, Berlaar-Lier, (Belg.)
171. Masana Bru. Antoni, komercoficisto, Sepulvedra, 161, Barcelona, (Hisp.)
172. Barono de Ménil, Félicien, literaturisto kaj muzikisto,Boulev.Magenta,46, Paris, (Fr.)
173. S-ino Baronino de Ménil, » » »
174. Lonthie, René, fabrikisto, rue Lucien Namêche, 9, Namur, (Belg.)
175. Brierley, E. J.,Grosvenor Road, St. Helens, (Angl.)
176. S-ino de Buyl, profesorino, Kloosterstr., 13, Antwerpen, (Belg.)
177. Schubert, Bernh. Ferd., registara oficisto, bureau of Pensions, Washington (U. S. A.)
178. Solé Granell, Juan, Rambla de St-Juan, 27, Tarragona, (Hisp)
179. Stas, Aug., oficisto, St. Antoniusstr. 25, Antwerpen, (Belg.)
180. Bertels, Emiel, oficisto, Bakkersstraat, 20, Berchem, »
181. De Backer, Frans, oficisto, Nationalestraat, 39, Antwerpen, »
182. Derks, Jozef, arĥitekto, Zwijgerstr., 4. » »
183. De Wieuw, Bonaventure, vitrajisto, Scheldestr., 83, » »
184. F-ino De Wieuw, Oliva. » » »
185. Dollez, Willem, ortopedisto, St. Jansstraat, 76, » »
186. F-ino Dollez, Adelaïde, oficistino, » » »
187. Saxer, John, oficisto, Nationalestr., 95, » »
188. Van Dessel, Alfons, meĥanikisto, Van Beersstr., 52. » »
189. Van Dessel, Eugeen, oficisto, » » »
190. Van Gansen, Felix, oficisto, Lange Nieuwstr., 119, » »
191. Van Hulle, Arthur, oficisto, St. Laureinsstr., 205, » »
192. Van Hulle, Gustaaf, » » » »
193. Verbraeken, Jozef, » Lange Achteromstr., 46, » »
194. Verbraeken, Leopold, » » » »
195. Cuvelier, Ernest, majoro, Leopoldsburg-Beverloo, »
196. Llorena Lluna, Juan, Barcelona, (Hisp.)
197. Le Blond,Georges,farmaciisto,rue Cauchoise,7,Neufchâtel,(Fr.Seine inf.)
198. S-ino Le Blond. » »
199. Fleck, Nr. Türkenstrasse, 96, München (Germ. - Bav.)
200. Buchanan, George Douglas, Garthlandstr., 7, Glasgow, (Skotl.)

# KONGRESA PAROLADO

## de D-ro L. L. ZAMENHOF en Washington.

Lando de libereco, lando de estonteco,mi vin salutas! Lando, pri kiu revis kaj nun ankoraŭ revas multaj suferantoj kaj senkulpaj persekutatoj, mi vin salutas. Regno de homoj, kiu apartenas ne al tiu aŭ alia gento aŭ eklezio, sed al ĉiuj siaj honestaj filoj, mi klinas min antaŭ vi, kaj mi estas feliĉa, ke la sorto permesis al mi vin vidi kaj spiri almenaŭ dum kelka tempo vian liberan, de neniu monopoligitan aeron.

Saluton al vi, Usono, plej potenca reprezentanto de la nova mondo. Ni, filoj de la malnova kaj maljuna kontinento, venis al vi kiel gastoj; sed ne vidama turismo enŝipigis nin, ne la espero de ia komerca akiro pelis nin al via bordo, ni venis al vi, por alporti al vi novan senton kaj novan ideon, ni venis, por alporti novan kuraĝon al tiuj niaj samideanoj kaj samidealanoj, kiuj ĝis nun laboris inter vi kaj kies vortoj pri ia nova popolo eble ŝajnis al vi tro fabelaj. Peco de tiu miksdevena kaj tamen lingve kaj kore unuigita popolo nun staras antaŭ vi reale kaj vivante. Rigardu nin, aŭskultu nin, kaj konvinkiĝu, ke ni ne estas fabelo. Ni estas diversgentanoj, kaj tamen ni sentas nin kiel samgentanoj, ĉar ni komprenas nin kiel samgentanoj, havante nenian bezonon humiligi aŭ fremdlingve balbutigi unu la alian. Ni esperas, ke dank' al nia laborado pli aŭ malpli frue la mondo similiĝos al ni kaj fariĝos unu granda homa gento, — konsistanta el diversaj familioj, interne apartlingvaj kaj apartmoraj, sed ekstere samlingvaj kaj sammoraj. Al tiu nia laborado, kiu celas krei iom post iom unuigitan, sekve fortigitan kaj spirite altigitan homaron, ni nun invitas vin, filoj de Usono. Kaj ni esperas, ke nia voko ne restos vana, sed, ke ĝi baldaŭ eĥe resonos en ĉiuj anguloj de via lando kaj tra via tuta kontinento.

Nur tre malmultaj el ni povis veni en vian landon, ĉar ni, esperantistoj, ne estas homoj riĉaj ; de nia nuna kongreso ni sekve ne povas atendi gravajn decidojn, kiuj havus signifon por la tuta esperantistaro. Ni venis al vi, Usonanoj, precipe por pasigi en via mezo kaj antaŭ viaj okuloj unu semajnon de nia esperantista vivo, por montri al vi almenaŭ malgrandan pecon de tiu vivo, por alporti al vi semon ; kaj ni esperas ke post nia foriro tiu semo potence ĝermos kaj kreskos, kaj ke en via lando nia afero baldaŭ havos siajn plej fervorajn kaj plej gravajn apostolojn.

En via lando, Usonaj samideanoj, nia afero estas ankoraŭ tro juna, kaj multaj el vi ne ellaboris al si ankoraŭ tute klaran juĝon pri ĝi, tial permesu, ke mi almenaŭ *iom* esploru antaŭ vi la vojon, kiun ni iras.

Kion celas la esperantista movado ? Ĝi celas atingi reciprokan komprenadon inter ĉiuj homoj kaj popoloj. Por kio ni bezonas tiun reciprokan komprenadon ? kiaj estas la sekvoj

kion ni atendas de ĝi? kial ni deziras, ke ĝi estu nepre sur fundamento neŭtrala? kial ni tiel persiste laboras por ĝi? kia estas la spirito, kiu nin ĉiujn ligas inter ni? Pri ĉio ĉi tio mi jam multe parolis, kaj mi ne volas nun ripeti miajn vortojn, des pli, ke ĉiu el vi post kelka meditado facile mem trovos la respondojn. Antaŭ vi, praktikaj Amerikanoj, mi volas analizi alian demandon, nome: ĉu ni kun nia laborado staras sur la vojo tute *certa*, aŭ ĉu ni povas timi, ke iam nia tuta laborado montriĝos vana? Nur plena konscio pri la irota vojo donas al la marŝantoj sufiĉe da energio, por kontraŭbatali ĉiujn malfacilaĵojn, kiuj troviĝas sur la vojo.

La celo, por kiu ni laboras, povas esti atingita per du vojoj: aŭ per laborado de homoj privataj, t. e. de la popolaj amasoj, aŭ per dekreto de la registaroj. Plej kredeble nia afero estos atingita per la vojo unua, ĉar al tiaj aferoj kiel nia, la registaroj venas kun sia sankcio kaj helpo ordinare nur tiam, kiam ĉio jam estas tute preta. Kia devas esti la karaktero de la unua vojo, pri tio neniu povas dubi; pri afero, kies tuta esenco kaj vivo estas bazita sur interkonsento, ĉiu komprenas tre bone ke laborado de amasoj povas ĝin konduki al celo nur tiam se ĉiuj laboras unuanime. En tia afero, se ĝi per si mem montriĝis vivipova, konkordo estas la plej certa garantio de senduba sukceso, malkonkordo signifas la morton. Tion komprenas tre bone niaj samideanoj, kaj tial ili kun indigno forpuŝas ĉiun, kiu volas delogi ilin de la komuna vojo. Sed iufoje en la kapo de tiu aŭ alia samideano aperas la sekvanta demando: kio estos la sekvo, se la solvon de la internacilingva problemo volos iam preni sur sin ia granda *forto*, kontraŭ kiu ni ĉiuj estas tro senfortaj, ekzemple la registaroj de la mondo? ĉu ni devas timi, ke ili eble elektos alian solvon, ol ni elektis, kaj tiamaniere nia tuta laborado fariĝos vana?

Por trovi klaran respondon al tiu demando, ni prezentu al ni, ke la registaroj de la mondo aŭ iaj aliaj grandaj kaj influaj potencoj starigis aŭtoritatan komitaton, kiu devas decidi, kia lingvo devas fariĝi internacia. En la artikolo «Esenco kaj Estonteco» kiun multaj el vi legis en la «Fundamenta Krestomatio» mi analizis tiun demandon detale, kaj mi montris tute klare tion, pri kio en la nuna tempo jam neniu esploranto dubas, nome ke tia komitato, pri kio mi parolis, neniel povus elekti ian lingvon nacian, nek ian lingvon mortintan, nek ian lingvon kun plene elpensita vortaro, sed ĝi devus nepre elekti nur aŭ Esperanton en ĝia nuna formo, aŭ Esperanton iom ŝanĝitan. Se la komitato kontraŭ ĉiuj postuloj de la prudento, volus fari alian decidon, ĝia decido restus nur decido papera kaj praktike absolute senvalora. Nun ni rigardu, kia estus la sola maniero, en kiu la komitato povus solvi la lastan alternativon.

Plej nature kaj plej kredeble estas, ke la komitatanoj rezonados simple en la sekvanta maniero : « Ekzistas lingvo artefarita, kiu tute montriĝas vivipova, bonege funkcias, bonege sin tenas jam multe da jaroj, kreis grandan literaturon, ellaboris sian spiriton kaj vivon k. t. p. ; sekve anstataŭ fari tute senbezone kaj sencele riskajn novajn eksperimentojn, ni simple akceptu tion, kio jam ekzistas, ni donu al ĝi la aŭtoritatan apogon de la registaroj kiujn ni reprezentas kaj tiam la tuta eterna problemo estos tuj plene solvita, kaj de morgaŭ la tuta civilizita homaro reciproke sin komprenos. »

Tia, mi ripetas, estas la plej natura decido, kiun ni povas atendi de la registare elektota komitato. Sed ni supozu, ke la komitato trovos, ke diversaj ŝanĝoj en Esperanto estas efektive tre *necesaj*. Kiel do ĝi agos ?

Antaŭ ĉio ĝi sin demandos,ĉu ĝi estas sufiĉe *forta*,por altrudi sian teorian volon al tiuj multaj miloj da homoj, kiuj ĝis nun estis la solaj laborantoj en la afero. La esperantistoj laboris dum longa vico da jaroj,multe laboris, multe oferis kaj kun tre granda malfacileco fine akiris tion, kio dum multaj miljaroj ŝajnis neakirebla kaj kio, unu fojon perdita, neniam plu reakiriĝus, ĉar la mondo perdus la tutan konfidon al la internacilingva ideo. Sekve ĉiu prudenta kaj honesta komitato dirus al si : ni devas esti tre singardaj, por ke, anstataŭ akceli la aferon, ni ĝin ne pereigu por ĉiam. Se la komitato scius, ke ĝin elektis ekzemple nur ia unu tre malgranda kaj malgrava landeto, ke la elekto estis tute senvalora formalaĵo, ke la elektintoj sin ne interesas pri la afero kaj havas eĉ la plej malgrandan intencon ĝin subteni , nek la forton por tio, tiam prudentaj komitatanoj nur simple esprimus sian opinion kaj deziron pri diversaj fariĝintaj ŝanĝoj en Esperanton kaj lasus la akceptadon aŭ neakceptadon al la decido de la esperantistoj mem, sed neniam komencus konkuradon kontraŭ la esperantistaro, ĉar ili komprenus, ke morale tio estus nur peko kontraŭ la internacilingva ideo, kaj praktike ĝi pli aŭ malpli frue kondukus nur al fiasko.

Nun ni supozu, ke por la decido de la demando pri lingvo internacia estas kreita komitato, kiu havas forton ne *fikcian* sed *efektivan* kaj *grandan*. Antaŭe mi jam montris, ke se tiu komitato ne volos, ke ĝia decido restu praktike absolute senvalora, ĝi povos preni nur aŭ Esperanton, aŭ ion tre similan al Esperanto. Mi diris jam, ke plej kredeble ĝi akceptos simple Esperanton en ĝia nuna formo. Sed ni supozu, ke ĝi tion ne volos fari ; kiel do ĝi agos ? Ĉar gi komprenas tre bone, ke por krei vivipovan lingvon tute ne sufiĉos esti instruita homo kaj diri al si « mi kreos » ; ke oni ne povas tion fari laŭ mendo en la daŭro de kelke da semajnoj ; ke tio postulas tre longan, fervoran, sindoneman, amoplenan laboradon, elprovadon, trasentadon, k. t. p. ; kaj

ĉar ĝi scios, ke ekzistas jam lingvo, super kiu multe da homoj tre longe laboris, kiu havas multejaran historion kaj tutan vivon, ke tiu lingvo bonege funkcias, kaj nur malmultaj punktoj povas en ĝi esti disputeblaj, tial estas tute kompreneble, ke se la komitato traktos sia taskon serioze, ĝi ne riskos preni sur sin mem la kreadon de tute nova lingvo, nek prenos alian lingvan projekton, kiun la vivo ankoraŭ ne sufice elprovis, ne komencos tute senbezone, sekve ne prudente bataladon kontraŭ tiuj, kiuj ĝis nun laboris en la afero, sed ĝi prenos Esperantsn kaj faros en ĝi tiujn ŝanĝojn, kiujn ĝi trovos necesaj. *(Fino sekvos.)*

# GRATULOJ

La 9an de novembro edziĝis nia simpatia kunredaktoro S-ro **Oscar Van Schoor**, prezidanto de la *Antverpena Grupo Esperantista* kaj vicprezidanto de la SEPO POR SEPA, kun F-ino **Leona de Wolf**, el Brugo.

B. E. prezentas al la juna paro siajn plej sincerajn gratulojn, kune kun siaj tutkoraj bondeziroj de longa, feliĉa kunvivado.

# La Esperantista Kongreso en Washington

## I. Washington

Oni forlasas New-York'on, kiu verdire ne estas urbo, sed granda regiono surkonstruita de altaj domoj premitaj unuj ĉe aliaj, inter kiuj la vagonaroj, la tramveturiloj rapidas kun surdiga bruo, intermiksita kun la fajfoj de l'vaporŝipaj fajfilegoj, kaj la senmezura bruego, kiu sumigas ĉiujn bruojn kaŭzatan de la agema kaj serioza laborado de kvar milionoj da Amerikanoj.

La rapida vagonaro trairas grandegajn suburbojn, sennombrajn konstruejojn, poste la kamparon, la herbejojn, la paŝtejojn, tiun amerikan kamparon, sen vilaĝoj, sen malnovaj turoj, sen alridetoj, kaj kies sovaĝa, impresiga beleco estas neniigita de malbelegaj reklamafiŝoj, havantaj la formon de bovinoj, de grandaj fiŝoj aŭ de grandaj boteloj... lignaj. Poste, jen grandegaj riveregoj, la Delaware, la Susquehanna, nova grandega urbo, Philadelphia, oceanon da duetaĝaj dometoj, ĉiuj samaspektaj La vagonaro rapidas, transiras sur palisegaraj pontoj, multajn larĝajn golfojn enkadrigitajn per belaj arbaroj, la golfon de Chesapeake, alvenas en Baltimore, urbo de fabrikejoj kaj de fumo, kaj fine, vespere, en Washington. Kaj jen ni estas, ho mirindaĵo ! en gaja kaj pura urbo, plena de belegaj monumentoj, havanta belajn, preskaŭ senhomajn bulvardojn, ne tro altajn domojn, preskaŭ

senbruajn tramveturilojn, urbo kun verdaĵoj, kun beleco, kun promenantoj ! !

La sidejo de la Kongreso estas en unu el la plej trankvilaj lokoj el la urbo, ĉe la rando de granda parko, kiu etendiĝas ĝis la bordo de la larĝa Potomac, kaj kiu enhavas diversajn palacojn, muzeojn, ministrejojn, oficejojn, la Blankan Domon, la blankmarmoran obeliskon altan je ducent metroj, starigitan al la memorigo de George Washington, kaj multajn statuojn de personoj, kiuj kunlaboris por la sendependigo. La domego Arlington, kiu estas la Kongresejo, kaj en kiu okazos preskaŭ ĉiuj kongresaj manifestacioj, iom post iom pleniĝas per popolamaso brua, gaja, kiu amasiĝas en la akceptejo, kie ĉarmaj fraŭlinoj disdonas la kartojn kaj paperojn, en la vendejo, kie nia amiko Arthur Baker aranĝis esperantan librovendejon, en la sekretariejo, kie S-ro kaj S-ino Reed senĉese iras de sia skribmaŝino al la telefonaparato, premas manojn, diktas intervjuojn aŭ notojn por la ĵurnaloj, korektas presprovaĵojn, respondas samtempe dek demandojn... kaj de tempo al tempo, elirigas ĉiujn kaj sin enŝlosas por povi iom labori.

## II. — La Kongresanoj

Sabaton, la 13an de aŭgusto, ĉiu estas alveninta, kaj la kongresanoj kuniĝas en la granda salono de la domego, por interkonatiĝi, retrovi unuj la aliajn, kaj premi la manojn de D-ro Zamenhof kaj de S-ino Zamenhof. Malgraŭ la malproksimo, la esperantistoj, ĉiam kuraĝaj, multnombre venis el ĉiuj landoj. El Germanujo D-ro Mybs, D-ro Arnold, S ino Hankel, ĉiuj tri organizintoj de l'kvara Kongreso ; Winkelmann, F-inoj Hofmann kaj Jahns. El Granda Britujo, jen la gaja Kolonelo Pollen, kun sia larĝa rideto kaj sia neelĉerpebla bonhumoro, nia amiko W. W. Mann, S-ro Warden, el Edinburgh, S-ro Sharpe ; el Francujo ni citu S-inon Tiard, S rojn Rollet de l'Isle, Cotton, Warnier, Volta, Colas kaj la subskribinton de ĉi tiuj linioj, venintajn el Parizo ; kaj S rojn Le Bihan, Mitont, Chauveau, F-inon Martin, k. t. pl. Jen kapitano Peregordo, el Madrid ; S-ro Gottschall, kiu venis el Aŭstrio ; S-ino Essigmann, el Varsovio, kapitano Postnikov, el Petersburgo, S-ro Forestier, el Ĝenevo. Venis esperantistoj el Aŭstralujo (S roj Skurrie kaj Fryer), el Hindujo (S-ro Tedman), el Sud-Afriko (S-ro Carter), el Uruguay (S-ro Muños), el Meksikujo, el la Filipinaj Insuloj, el Kanado, k. t. pl. Venis ankaŭ multaj el Usono, kaj kompreneble ili estas plej multnombraj kaj plej entuziasmaj. Tiuj Amerikanoj estas 2740pe kaj tiu nombro estas belega. Efektive, en regiono tiel granda kiel Eŭropo kaj kie la vojaĝoj estas pli malfacilaj kaj pli multekostaj ol en Eŭropo, estus dekoble malpli multe da esperantistoj, proksimume.

Nu, kiam oni organizas kongreson en Eŭropo, tien iras pli ol 1000 Eŭropanoj. Se nur 100 Amerikanoj estus venintaj al la Washington'a Kongreso, la proporcio estus estinta sama. Tamen ili estis preskaŭ trioble pli multnombraj.

Dudek-du nacioj estis tiel reprezentitaj, kaj, krom unu escepto, de landanoj speciale tial venintaj al la Kongreso.

## III. La oficialaj subtenoj

De la malfermo de l'Kongreso, la sekretario anoncas la neniam antaŭe akiritan sukceson, rilate al la oficiala reprezentado de l'ŝtatestraroj. Efektive, dekses estraroj de landoj favore respondis la inviton de la loka komitato, inviton al ili transsenditan oficiale de la Usona Estraro. Jen la listo de tiuj naciestraroj kun la nomoj de l'senditaj dilegitoj.

**Brazilujo** (*Mello Sousa*) ; **Ecuador** ; **Guatemala** (*Francisco Sanchez Latour)* komisiito en Washington ; **Ĥinujo** (*Lu Ping Tien* kaj *Wu Chang*, delegitaraj sekretarioj en Washington), **Hispanujo** (*Peregordo*) **Hispana Honduras** (*Guilermo Moncada*, ĝenerala konsulo en New-York) ; **Costa Rica** (*Joaquim Bernardo Calvo*, plenrajtigito en Washington) ; **Meksikujo** (*de Ricoy*, ĉefa delegitara sekretario en Washington) ; **Persujo** (*Ali Kuli Khan*, komisiito en Washington) ; **Uruguay** (*Enrique Muños*) ; la ministro de l'Komerco el **Rusujo** (*Postnikov*) ; la ŝtatoj **Carolina** (*Dibble*), **Florida**, **Louisiana** (*J. C. Haupt*), **Oregon** (*J. C. Cooper*). El la estraro de **Usono**, la oficejoj de la surtera milito (*D-ro Yemans*), de la surmara milito (*Ch. Stewart*, ĉefintendanto de l'arĥivoj), de l'internaĵoj (*Wolcott*, bibliotekisto).

La prezidanto de l'Kongreso estis S-ro *John Barrett*, prezidanto de l'Nordamerika Esperantista Asocio, direktoro de l'Internacia Oficejo de l'Amerikaj Respublikoj. S-ro Barrett ne povis efektive prezidi la Kongreson, sed jaŭdon, 18an de aŭgusto, li akceptis vespere ĉiujn kongresanojn en la admirinda palaco de l'Amerikaj Respublikoj, kaj li dediĉis al ĉiu el ili afablan parolon, kompreneble en Esperanto. Bedaŭrinde, tiu akcepto ne povis havi la tutan deziritan brilon, pro la morto de la Prezidanto de Ĉilo, S-ro Montt.

La Kongreso ricevis rimarkindajn simpatiaĵojn de la oficialaj aŭtoritatuloj de la Usona estaro, loĝantaj en Washington dum tiu jartempo. La estraro de l'Kongreso estis akceptata de la sekvantaj personoj : (*)

Generalo *Wood*, stabestro ; S-ro *Chandler Hale*, tria helpa sekretario de l'Eksterlandaj Aferoj ; S-ro *Robert Schaw Oliver*,

(*) Por kompreni la titolojn kaj rangojn de tiuj personoj, oni devas rememori ke la Usona estraro ne konsistas el ministroj kiuj anstataŭas unu alian dum foresto, kiel en Francujo, sed el Ŝtataj sekretarioj. Kiam la unua sekretario forestas, la dua, eventuale la tria, estras la aferojn.

unua helpa sekretario de la Milito; S-ro *Beekman Winthrop*, helpa sekretario de l'Maristaro; S-ro *Willet Hoys*, helpa sekretario de l'Terkulturado; S-ro *Merrith Ireland* kaj *Francis A. Winter*, helpantoj de l'Ĝenerala militistara Hirurgiisto; kaj S-ro *Charles L. Magee*, sekretario de la Amerika Nacia Ruĝa-Kruco.

Fine, vendredon la 19an de aŭgusto S-ro *Huntington Wilson*, ĉefa helpa sekretario de l'Ŝtatestraro, anstataŭanta la forestantan sekretarion, S-ron *Philander Chase Knox*, kiu estas la ministro de l'Eksterlandaj Aferoj, faris, en sia privata domego, akceptadon je la honoro de D-ro Zamenhof, de la estraro de l'Kongreso kaj de la delegitoj de l'Ŝtatestraroj. Diversaj altrangaj funkciistoj de l'Usona ŝtatestraro ĉeestis tiun akceptadon.

## IV. — La ĝeneralaj kunsidoj

Ĉiuj kunsidoj de la Kongreso estis prezidataj, kun perfekta delikateco, de D-ro Yemans, vicprezidanto. Oni trovos la oficialan detalan protokolon de ili en la « Oficiala Gazeto ». Ni nur citu la ĉefajn faktojn :

La parolo de D-ro Zamenhof, presita ĉi antaŭe, estis entuziasme akceptata kaj ĝiaj plej rimarkindaj partoj estis bruege aplaŭdataj. Poste oni legis, laŭ la tradicioj, la diversajn telegramojn, la salutojn al la Kongreso faritajn de la diversaj delegacioj, de *D-ro Hale*, en la nomo de l'Internacia Oficejo de l' Amerikaj Respublikoj, de la delegitoj de l' Ŝtatestraroj, kiuj parolis ĉiuj en Esperanto, — krom la ĥinaj delegitoj, kies belaj silkaj vestoj tiris al si ĉies rigardojn, kaj kies ĥinlingva parolo (tradukita esperanten de nia kolego Osmena) enhavis varman aprobon de nia movado. Salutoj de l' naciaj esperantistoj, delegitoj, salutoj de l' delegitoj de l' grandaj naciaj aŭ internaciaj organismoj; de S-ro *Postnikov*, je l' nomo de l' Universala Ligo; de S-ro *Warrington*, je l' nomo de l' Teosofoj, de S-ro *Colas*, je l' nomo de l' esperantistoj katolikaj, de S-ro *Franz Morrisson*, sekretario de l'Amerika Federacio de la Laboro (*), kiu, per elokventaj vortoj, esprimis la deziron vidi la triumfon de Esperanto en la laboristaj organismoj.

D-ro *Mybs* prezentas al la Kongreso la raporton verkitan de S-ro *Boirac*, je l'nomo de « Lingva Komitato », raporton kiu montras, ke tiu komitato senĉese faras bonan kaj utilan laboron kaj singarde prizorgas la aferojn de nia lingvo; pro la foresto de Generalo *Sebert*, li ankaŭ legis la raporton de la « Konstanta Komitato de la Kongresoj ». La konkludoj de tiuj raportoj estis akceptataj unanime de la Kongreso, kiu,

(*) Tiu ĉi Federacio enhavas du milionojn da anoj kaj posedas 300 ĵurnalojn.

plie, esprimas sian varman dankon al S-roj Sebert kaj Boirac pro ilia sindono kaj agemo.

Fine oni parolas pri la postaj kongresoj. S-ro *Postnikov* proponas Rusujon por 1912, jaro jam rezervita de la urbo Krakovio ; S-ro *Chavet*, je l'nomo de l'Italoj, proponas Italujon por 1913. Nia amiko *Warnier* anoncas ke la Parizanoj deziras organizi kongreson en sia urbo en 1914. Kaj du Usonaj urboj, San Francisko kaj New-Orleans, pribatalas la honoron akcepti la esperantistan kongreson en 1915 !

Ni ankoraŭ diru, ke ĉe la malfermo kaj la fermo de la Kongreso, oni kantis *La Espero*, kiun la Amerikanoj kantas en bonega ritmo.

*(Fino sekvos)* **Gabriel Chavet.**

Kun la afabla permeso de l'aŭtoro
D-ro **W. Van der Biest**
esperantigis.

---

## Unua datreveno de la Barcelona kongreso

Por solenigi la unuan datrevenon de la kvina internacia kongreso de Esperanto, la Barcelona Esperantistaro organizis grandegajn festojn

Sabaton, la 17an de septembro, okazis teatra vesperfesto, en kiu partoprenis ĉiuj Barcelonaj grupoj.

La geanoj de « La Rondo » ludis la teatraĵeton « *La ĉiama Kantaĵo* », katalune verkitan de S-ro Rusiñol kaj esperanten tradukitan de S-ro Sabadell.

La Grupo « Barcelona Stelo » kantis la himnon « *Ni restu fidelaj !* », laŭ germana melodio de Peters, esperanta teksto de S-ro H. Arndt (vidu « Belga Esperantisto » Majo 1910).

La geanoj de la « Esperanta Kataluna Grupo Supren..! » ludis la spritan duaktan komedion de S-ro Cases : « *Vivu Esperanto !* »

Fine, oni dancis rondojn, sardanojn kaj societajn dancojn.

Malalta enirprezo estis postulata : 2.50 p-toj por loĝio kun 6 enirbiletoj, 0.25 p-toj por apogseĝo.

Dimanĉon, la 18an, je la 4a posttagmeze, okazis granda popola festo ĉe la Parko Guëll. Ĝi konsistis el rondoj, sardanoj, koncertoj, k. t. p. La eniro estis senpaga.

Ambaŭ tiuj festoj rikoltis grandegan sukceson ; precipe la bela kanto « Ni restu fidelaj ! » vekis la entuziasmon de la ĉeestintoj. La grupo « Barcelona Stelo » estis trifoje petata ĝin ripeti. Oni ankaŭ kantis ĝin dum la dimanĉa festo ĉiufoje kun la samaj aplaŭdoj.

La tutan dimanĉon la tramveturiloj kiuj veturis al Parko Guëll estis ornamitaj per Esperantaj flagetoj. Post la festo ĉiuj grupoj kun siaj standardoj malsupreniris manifestacie ĝis la Placo de Katalunujo, dum en ĉiuj koroj kaj sur ĉiaj lipoj resonis la rekantaĵo :

« Certe venkos Esperanto,
Ĉar fidelaj restos ni ! »

(laŭ informoj de Barcelona samideano).

Niaj Barcelonaj amikoj estu certigataj ke, en ĉiuj partoj de la mondo, oni pense kaj kore revivis kun ili la neforgeseblajn tagojn de la « Kvina ».

ĈEESTINTINO.

# LIBERTEMPA VOJAĜO

Certe, la plej bona kuracilo kontraŭ senkuraĝigo estas por ni, Esperantistoj, vojaĝi. Vizitante aliajn landojn, parolante kun alinaciaj samideanoj, oni ĉie konstatas la mirindan progreson de nia kara lingvo, oni ĉie trovas entuziasmajn, fervorajn propagandistojn. Jen kio ĝojigas la koron !

Io simila okazis al mi, dum mia lasta libertempo. Mi vojaĝis en Anglujo, Francujo, Holando kaj Svisujo.

Ĉie mi vidis min ĉirkaŭatan de amikoj. Pri mia tutkora akcepto en la Londona klubo, kien akompanis min la sindona sekretario de la juna societo « Zamenhof », la oktobra numero de B. E. jam raportis. Mi nur aldonas ke, en Anglujo, la belgaj samideanoj estas tre simpatiaj, speciale pro sia kuraĝplena sintenado dum la Idista krizo.

Mi restis dum du tagoj en Calais, kie mi plezure retrovis mian bonan amikon S-ron Perrin,la ageman sekretarion de la tiea grupo kaj unu el la iniciatoroj de la Bulonja kongreso. Esperanto en Calais estas en plena florado, kaj la restado ĉe la Calais' aj esperantistoj estas por mi ĉiam tre agrabla.

* *

Je dimanĉo, la 28a de aŭgusto mi estis en Hago, por partopreni en la kunveno, dum kiu oni rememoris la unuan datrevenon de la starigo de la Nederlanda Katolika Esperantista Ligo. Tiu asocio jam kalkulas 12 grupojn, kunigantajn pli ol 800 membrojn; ĝi estas rekonata de Lia Episkopa Moŝto, kiu difinis ĉe ĉiu grupo pastron, kiel spiritan direktoron. Kvankam la Nederlanda Katolika Ligo estas aparta organismo, ĝi tamen kore kaj amike por la propagando kunlaboras kun la Holanda Esperantista Asocio.

Kun la afabla permeso de Lia Episkopo Moŝto de Haarlem mi predikis Esperante en la kapelo de la Fratinoj de S-ta Karolo. Mi ĉeestis la interesan ĝeneralan kunvenon de la Katolika Ligo, kiu daŭris ĝis la unua horo, kaj havis la plezuron prezenti al niaj nederlandaj amikoj la salutojn kaj la gratulojn de la belga esperantistaro. Kompreneble, mi ne forgesis paroli pri la **Sepa kongreso**, kaj mi ne dubas, ke la holandaj vizitontoj estos tre multnombraj. Poste mi partoprenis en la tre sukcesinta festeno, kiu kunigis pli ol 200 gastojn. La vere esperantista gajeco regis la tutan tempon. Entuziasmaj tostoj eksplodis, kaj oni ĝoje kantis, laŭ la tutmonde konata esperantista kutimo.

Posttagmeze la liganoj faris belan ekskurson — per specialaj tramveturiloj — al la ĉarma banurbeto Scheveningen. Oni vespermanĝis en la restoracio de la palisara digo ; ĉe la deserto resonis la himno « l' Espero » kaj ĉe la foriro la holandaj amikoj disdonis propagandilojn. Detalo ne sen graveco : la du kondukistoj de la tramveturiloj portis la verdan stelon, kaj tre flue parolis Esperante. Antaŭ nelonge, unu el ili skribis al mi tre afablan poŝtkarton en nia kara lingvo.

* * *

Je la 2a de septembro mi veturis tra Germanujo ĝis Bazelo, kaj fine alvenis en Morges, rave bela urbeto, kuŝanta laŭlonge de la Lemana lago. Kiam la vetero estas bona kaj la aero sufiĉe diafana, oni ĝuas de tie la majestan aspekton de la imponanta Monto Blanka. De la bordmarŝejo en Morges la okulo povas ĉirkaŭpreni la tutan lagon, de Ĝenevo ĝis Montreux kaj Villeneuve.

Tre rekomendinda en Morges estas la « Esperanto-Domo », kies mastrino estas la respektinda F-ino Richardet, kiu de pli ol dek jaroj estas esperantistino, kaj kiu sin esprimas tre korekte per la Zamenhofo lingvo. Mi renkontis en la gastema hotelo germanajn, anglajn, amerikanajn kaj francajn esperantistajn gastojn — eĉ unu Armenianon. — Tio igis la ejon kiel eble plej agrabla, kaj ebligis al ni ĉiam interparoli Esperante. Evidente, tio naskis grandan efekton inter la cetera gastaro. Mi restadis tri semajnoj en la ĉarma hejmo de F-ino Richardet, kaj esperas, se Dio donas al mi forton kaj sanon, ankoraŭ tien reiri estonte.

Dum mia ĉeesto en Morges mi faris du publikajn paroladojn en la antikva urbdomo (1). Inter la ĉeestantoj mi havis la plezuron vidi S-rojn Cart, el Parizo kaj de Saussure, el Ĝenevo. Mi ankaŭ disdonigis multajn propagandilojn. La rezultatoj estis mirindaj : multaj novaj adeptoj aliĝis, kaj tri kursoj estis malfermataj.

---

(1) La « Journal de Morges » de la 16a de Septembro tre favore raportas pri Esperanto kaj la parolado de nia estimata kunlaboranta S-ro Richardson; *(Red.)*

La progresoj de Esperanto en Svisujo estas tre ĝojigaj. Mi vizitis i. a. la grupojn de Ĝenevo, Rolles, Morges kaj Laŭzano. La svisaj samideanoj tre afable akceptis min, ili aplaŭdis la fidelecon kaj la kuraĝon de la belgaj esperantistoj kaj komisiis min alporti, speciale al la vigla prezidanto de la B. L. E., la simpatian saluton de la svisa samideanaro kaj la certigon ke, ili sendos multnombran karavanon al la **Sepa.**

* * *

Mi ne forgesu citi, ke en ĉiuj esperantistaj rondoj kiujn mi vizitis, estis ege aprobata la ideo pri la « Soldo por Esperanto », ĉefe de la praktikaj Angloj, kiuj estas firme konvinkitaj ke tiu rimedo, proponita de la agema prezidanto de la Belga Ligo, estas la plej efika solvo de nia financa problemo, kondiĉe ke oni praktiku ĝin *regule* kaj dum *ĉiu kunveno aŭ festo* de la esperantistoj. La persona elspezo estas tute sensignifa, sed post kelka tempo, ĝi havigos gravan monhelpon al nia movado.

El la ĉi supraj vojaĝimpresoj oni povas konkludi, ke ĉiulande oni ageme kaj sukcesplene laboras por Esperanto, kaj ke ĉie la antaŭenirado estas tre rimarkinda. Por ni, Belgoj, tio devas esti laŭdinda ekzemplo kaj potenca kuraĝigilo.

Oni do permesu ke, kiel maljuna profesoro, mi diru — latine :

*Vade et tu fac similiter !* AUSTIN RICHARDSON.

---

# ALVOKO

## al la esperantistaj oficistoj kaj oficistinoj en ĉiuj landoj ! ! !

Konsiderante, ke la ĉiufaka oficistaro (komerca, industria, banka, k. c.) multege povas helpi la disvastigon de Esperanto, precipe en la komerco kaj industrio ;

Ĉar por plej bone trafi nian celon, ni devas interesigi la oficistajn societojn en ĉiuj landoj ;

Ĉar aliflanke, la oficistoj esperantistaj devas uzi Esperanton por internacie pritrakti, ekster ĉia religia kaj politika demando, la moralajn kaj materialajn interesojn de la oficistoj ;

Ni opinias ke estas necese, fondi internacian societon de oficistoj kaj oficistinoj esperantistaj, kaj

Ni petas ĉiujn gekolegojn, kiuj volas kunlabori al la efektivigo de nia projekto, ke ili konigu sin al S-ro *Frans Schoofs*, Kleine Beerstraat 45, *Antwerpen.*

---

La 1-an de januaro 1911, tiu samideano konigos al ĉiuj skribintoj la nomaron de la personoj, kiuj deklaris sin pretaj por kun

helpi al la fondo de la Int. Oficista Societo. Oni tiam elektos oficialan titolon kaj provizoran komitaton, kaj oni pridiskutos la regularon k. c.

Ni faras varman alvokon al ĉiuj esperantistaj geoficistoj, ke ili respondu kiel eble plej baldaŭ, por ke ni povu prepari la aranĝon de grava kunveno de esperantistaj oficistoj dum la sepa kongreso de Esperanto.

**Frans Schoofs**, (*Antwerpen*) ;
**Em. I. Nicolau**, (*Bukureŝt'o*) ;
**A. Ramamonjisoa**, (*Tananarivo*, Madagaskaro) ;
**F-ino Selma Fraenkel**, (*Aachen*) ;
**H. Blok**, (*Rotterdam*) ;
**Herbert E. Sach**, (*Croydon*, Anglujo).

## NEKROLOGIO

La 15an de oktobro mortis en Laken, post longa kaj doloriga malsano, nia amata samideano

**Armand-Henri-Georges BLAISE,**

sekretario de la *Brusela Grupo Esperantista*.

La bedaŭrata mortinto ne ankoraŭ plene estis dudek-okjara.

Multaj amikoj kaj samideanoj akompanis lin ĝis lia lasta ripozejo, kaj apud la tombo, S-ro Pastro Richardson eldiris, en la nomo de la Bruselaj esperantistoj, tre emociigan adiaŭan saluton, kiu faris profundan impreson sur la ĉeestantaron.

*Belga Esperantisto* esprimas al la funebrantaj gepatroj kaj gefratoj siajn respektplenajn kaj simpatiajn kondolencojn.

# HUMORAĴOJ

### Edziniĝo aŭ Monaĥinejo ?

Junulino aliris la maljunan pastron de sia paroĥo. La respektindulo akceptis ŝin en sia ĝardeno, kie li prizorgis siajn florojn.

La vizitantino, bela kaj gracia knabino, konigis al la pastro la grandan embarason, en kiu ŝi troviĝas. Oni faris al ŝi edziĝopeton : la junulo estas plena de tre grandaj ecoj ; ŝiaj gepatroj deziras, ke ŝi ne rifuzu; ŝi konfesas, ke la petinto ne malplaĉas al ŝi ; sed ŝi demandas sin, ĉu la edziniĝo estas sia sorto, aŭ ĉu la religia vivado en monaĥinejo ne estas

preferinda: pri tiuj malsimilaj vivmanieroj ŝi ŝanceliĝas, ne trovante sufiĉan motivon por elekti unu aŭ alian. Kion fari?.. Kion decidi?

Aŭdante tiun konfidencion, la indulgema maljunulo ridetis.

— Mia kara filino, li diris, ĉar viaj pripensadoj ne povis solvi la demandon, ĉu vi konsentas, ke ni petu la solvon de la hazardo? Mi ne vidas alian rimedon por forigi tian malfacilaĵon.

— Estu tiel, diris la junulino, provu ni la rimedon.

— Nu, li diris, mi iom enpuŝos mian fosilon rekte en la teron: se ĝi falos maldekstren, vi edziniĝos; se dekstren, vi eniros la monaĥinejon.

Kaj preninte la fosilon, li malpeze enŝovis ĝin en la teron, sed la sprita maljunulo estis ĝin stariginta tiamaniere, ke ĝi iom — ho tute iomete — kliniĝas dekstren.

— Ho! sinjoro pastro, ekkriis la naiva infano, kion do vi faris? Ĉu vi ne vidas, ke la fosilo ne staras tute rekte?

Tiam la maljunulo diris kun bona rideto al la ruĝiĝanta knabino:

— Edziniĝu, mia kara infano, edziniĝu!

E. V. HONINCKS.

## DIALOGO

— Johano!
— Kiu?
— Vi!
— Mi?
— Jes!
— Kio?
— Ĉu vi volas pruntedoni al mi unu frankon?
— Kiu?
— Vi!
— Mi?
— Jes!
— Ne.

## *AVO KAJ NEPO*

— Mi aŭdis, Peĉjo, ke vi jam iras lernejon kaj ke vi jam multon ellernis.

— Ho jes, aveto!

— Nu, diru al mi la nomojn de la kvar kardinalpunktoj?

— Ho tion mi ne scias, aveto!

— Ne? Diru do al mi kiom faras tridek kaj naŭ?

— Mi ankaŭ ne scias, aveto...

— Mi demandos do pri io tre simpla. Kiu estas la nomo de la reĝo Alberto?

— *Peĉjo, ploretante kaj senpacience.* Sed, avo! Vi ne povos postuli, ke me sciu ĉion!

## PROBLEMOJ (tre facilaj) (1)

1. **Vortoj kvadrataj** : tia nombro — kiu meritas — kio ekscitas la flarsenton (radiko) — granda akvujo.

2. **Antaŭ ĉiu el la vortoj** : oro — liro — ago — aro — denta — metu unu literon, por formi novajn vortojn signifantaj : spaco da tempo — veni eksteren — akvujo — du estaĵoj — tute simila.

La aldonitaj literoj, akrostike legitaj, donos vorton signifanta : faciligi ies taskon.

3. **Enigmo** — Mi estas literatura verko, kaj tamen mi estas homo loĝanta en unu el la plej antikvaj urboj.

Plantano

(1) Oni sendu la solvojn,antaŭ la 25a de Decembro, al S-ro Frans Schoofs, sekretario de la Redakcio, 45, Kleine Beerstraat, Antwerpen. (45, rue de la Petite Ourse, Anvers). Prefere skribitajn sur poŝta karto.
En la lasta numero de la 3a jarkolekto estos publikigataj la nomoj de la solvintoj. Oni povas respondi pseŭdonime.
Belaj premioj estos aljuĝataj.

## *DIVERSAJ INFORMOJ*

Deziras korespondi :

S-ro Jacques Merle, 47, rue Joubert, Auxerre, (Yonne-France).

S-ro André Martin,42,rue d'Auteuil,Paris,France),per ilustritaj poŝtkartoj;

S-ro Karlo Eberwein, Schillerstrasse, 2 Ansbach i. B. (Germanujo), per ilustritaj poŝtkartoj kun juna fraŭlino antverpena ;

S-ro Richard Holder, 15, Kinveachy Gardens, Old Charlton, (England,) kun antverpena samideano ;

S-ino Thérèse Julien, Boulevard St Roch, Céret, (Pyrénées Orientales, France), kun antverpena samideano ;

S-ro Alfred J. Hulme, 10, Delamere Road, Wimbledon, London S. W., kun ge-Antverpenanoj kiuj ŝatus interrilati kun ge-Londononaj, vizitontaj Antverpenon, okaze de la kongreso.

F-ino Louise Montfort, Grandpré, Ardennes (France).

**Anonco**. Mi deziras interŝanĝi poŝtmarkojn de ĉiuj landoj kaj akceptas ĝis 10 specimenojn de ĉiu speco. Mi sendas markojn de Norvegujo, Svedujo, Danujo, Islando kaj Finlando. Bazo : Senf, Gibbon, kaj Yvert & Tellier. Deziras ankaŭ korespondi kun esperantistoj.

Sigw. P. Berge, Christiansund N. (Norvegujo).

**Anonco**. Samideanoj ! Ĉu vi deziras diskonigi, reklamigi en Bulgarujo ian komercajan artiklon ? Volonte mi interrilatiĝus kun esperantistaj komercistoj por ke ili utiligu mian korespondadon kun tiu lando, mia patrujo. Samtempe mi petas pri katalogoj kaj prezaroj.

**Jacob Leonoff**,
Rue des Ateliers, 8, Charleroi.

**Universala Esperantista Asocio**. (U. E. A.). Sekve de la deziresprimo de la unua kongreso, nova statuto estis antaŭ nelonge ellaborita kaj aprobita. La ĉefaj ŝanĝoj estas la jenaj :

1. La kotizaĵo estas de nun 50 Sd. — La membroj ricevos senpere de la Centra Oficejo sian membrokarton kun la jarlibro.

2. Estas kreata nova kategorio de membroj, nome *aprobantaj*, kiuj pagos kotizaĵon de 1 Sm.

3. En ĉiu regiono, kie estas minimume 20 membroj, kaj en ĉiu distrikto, kie estas almenaŭ 100 membroj, estos starigataj ĉiujaraj kunvenoj de l'Esperantianoj.

4. La ĝenerala gvidado de l'Asocio estos komisiata al internacia komitato de 10 membroj kaj 3 anstataŭantoj. La administrado de l'Asocio estos komisiata al direktoro, vic-direktoro kaj fakestroj, kiuj kun oficistoj sidos en Ĝenevo, kaj formos la Centran Oficejon de U. E. A.

5. En ĉiu regiono estos starigata kaso por faciligi la propagandon de U. E. A. kaj la diskonigon de la regiono per U. E. A. (gvidfolioj, gvidlibroj k.t.p.).

6. Interne de U. E. A. estos starigata neŭtrala reprezentado de la fakaj internaciaj organizaĵoj, kondiĉe ke ili estu esperantiaj entreprenoj aŭ Asocioj.

La jarlibro de U. E. A. aperos dum novembro.

Dum 1910 le nombro de la esperantianoj estis 8.000, la nombro de la delegitoj 900. Dum 1909 estas faritaj 1753 servoj por komerco, 1012 pri turismo, 359 por junuloj kaj 1029 al travojaĝantaj esperantianoj. La delegitoj ricevis 4391 leterojn kaj forsendis 502.

**Represata libro.** Baldaŭ aperos la represo de la «Batalo de l'Vivo» (*Battle of Life*) de la glora angla aŭtoro Charles Dickens, kaj tradukita de D-ro Zamenhof antaŭ 1891. Ĝi tiam estis publikigata en la unua esperantista gazeto « la Esperantisto ».

La libro kostos 1 ŝilingon — 1/2 Sm kaj enhavos ĉirkaŭ 80 paĝojn. Oni ne sciigis nin pri la nomo kaj la adreso de l'eldonisto.

**Murkalendaro por 1911.** La eldonisto de la murkalendaro, S-ro J. L. Bruijn, Prinsestraat, 48, 's Gravenhage, atentigis nin ke la lasta numero de B. E. eraris pri la prezo, kiu estas : *2 frankoj*. Oni konsideru la belan premion lotumotan inter la aĉetantoj : belan gravurajon kun kverkligna kadro.

**Ŝanĝita Adreso.** — De nun la adreso de S-ro Léon Champy, ĝenerala sekretario de la Belga Liga Esperantista, estas Lange Herenthalsche straat (Longue rue d'Herenthals) n-ro **19**, anstataŭ 21.

---

# BELGA KRONIKO

*Ni insiste petas ĉiujn grupojn kaj ankaŭ la izolitajn samideanojn, ke ili sendu, kiel eble plej akurate, informojn pri sia societo aŭ ĉiuspecajn sciigojn pri Esperanto, plej malfrue la 25an de ĉiu monato, al la Direktoro de « Belga Esperantisto », 26, Arendstraat (rue de l'Aigle), Antwerpen (Anvers). Tre dankeme nia redakcio ankaŭ ricevos la ĵurnalojn, enhavantajn artikolojn pri nia movado.*

**ANTVERPENO.** — Tre rimarkinda estis la parolado, farita la 22an de oktobro, de S-ro Edmond Privat, nia estimata Ĝeneva samideano, en la sidejo de la **Antverpena Grupo Esperantista**, Taverne Royale.

Tre elokvente la oratoro montris ke Esperanto, ne nur estas sistemo de signoj kaj eĉ ne plu artefarita lingvo ; ĝi fariĝis vere natura lingvo, la lingvo de la esperantista popolo, kiu ĝin uzas kaj amas.

Li poste parolis pri la internaciaj esperantistaj kongresoj, kiujn li komparis al la forumo de l'antikva Romo, kaj kie la esperantistaro pace interdiskutas, kaj vivas la feliĉigan kunan vivon de l'esperantista popolo.

S-ro Privat ankaŭ parolis pri la Universala Esperantista Asocio, kies celo estas praktikigi Esperanton, kaj utili al la esperantistoj. Ĝis tiam, li sin esprimis en tiu belsona Esperanto, kiu, en lia buŝo havas specialan ĉarmon. Li finis sian paroladon france, konigante al la aŭdantaro la noblan personon de D-ro Zamenhof, kiu, dum la 7a kongreso estos la gasto de la Antverpenanoj.

La sukceso de S-ro Privat estis grandega.

— **La Verda Stelo** anoncas la malfermon de du kursoj :

Por sinjoroj : ĉiuĵaŭde (8 1/2 a — 10 a vespere), de la 10 a de novembro.

Por sinjorinoj : ĉiumarde (8 1/2 a — 10 a vespere), de la 15 a de novembro.

La instruado okazos en la komunuma lernejo N-ro 16, Groote Hondstraat (*Rue du Grand Chien*).

La grupanoj estas insiste petataj ĉeesti la ĉiumonatan ĝeneralan kunvenon, kiu okazos merkredon, la 23 an de novembro 1910, je la 8 1/2a vespere en la kafejo « Zomerhof », 32, Dageraadplaats (Place de l'Aurore).

Tagordo : Raporto pri la lasta kunveno. — 2. La novaj kursoj. — 3. Priparolo por festi la 51an naskiĝotagon de D-ro Zamenhof.—4. Interparolo pri la festo de la 4 jara ekzistado de la grupo. — 5. La 7a kongreso internacia. — 6. Diversaj informoj.

Oni ne sendos specialan kunvokilon. La jena avizo ĝin anstataŭas.

— **Fervoro.** — Sub tiu titolo fondiĝis antaŭ nelonge nova grupo, kiu enhavas jam dudekon da membroj. « Fervoro » postulas sian aliĝon al la Belga Ligo Esperantista.

**BOOM.** — La gazeto *Aankondiger van Boom* de la 28a de oktobro enhavas tre legindan artikolon titolitan *Iets over talen* (Io pri lingvoj).

Kurso pri Esperanto estas malfermita ; ĝi okazas ĉiumerkrede, de la 9a de novembro en la *Hotel de l'Univers,* je la 8 1/2 vespere.

**BORGERHOUT.** — Jaŭdon, la 12an de oktobro, la anoj de la Ruĝa-Kruco, sekcio de Borgerhout, multnombre kunvenis por ĉeesti paroladon pri Esperanto. Nia sindona kaj bone konata propagandisto, S-ro Schoofs, per tre dokumentita kaj sprita parolado, plene sukcesis interesi sian aŭdantaron pri la disvastigado de la Zamenhofa lingvo kaj ĝia utileco por la Ruĝkrucanoj. Ĉiuj ĉeestintoj promesis sekvi la baldaŭ malfermotajn kursojn, ĉu en la Borgerhout' a grupo «Laboro», ĉu en aliaj grupoj de la Urbo.

— « Laboro» malfermis kurson de Esperanto : ĝi okazas (de la 3a de novembro) ĉiuĵaŭde (8 1/2a — 10a vespere), en la komunuma lernejo, Erasmusstraat, 20.

Ĉiusabate, de 8 1/2a — 10a vespere, la anoj de «Laboro» kunvenas en la sidejo de la grupo, kafejo «de Passer», Turnhoutschebaan, 36.

**BRUGO.** — La Bruga Grupo Esperantista anoncas la remalfermon de la esperantistaj kursoj. Prepara kunveno okazis en la sidejo de la grupo, *Hotel du Cornet d'Or,* placo Simon Stevin, la 22an de oktobro.

— Nia agema samideano, S-ro A. J. Witteryck, sukcesplene paroladis pri Esperanto en la granda salono de la kolegio S-ta Ludoviko, la 4an de la nuna. Lia Barona Moŝto S-ro Ruzette, provincestro de Okcidenta Flandro kaj S-ro advokato J. Schramme, skabeno de la Publika instruado, ĉeestis la kunvenon. La cetera aŭdantaro preskaŭ ekskluzive konsistis el ekleziuloj, kiuj kun la afabla permeso de Lia Episkopa Moŝto, estis speciale invititaj.

**BRUSELO.** — De la 9a de novembre, esperantista kurso estas malfermita en la ĉambro n-ro 7 de la *Cercle Polyglotte,* rue Ravenstein.

La instruanto estas S-ro Mathieux ; la instruado okazas *ĉiumerkrede.*

**CHARLEROI.** — La kurso pri Esperanto, farata de S-ro Delvaux, estas ĉeestata de 25 lernantoj.

**FOREST.** — Sekve de la brila parolado, farita la 11an de oktobro de S-ro Carlo Bourlet, la Popola Universitato de Forest decidis organizi kurson pri Esperanto.

La instruado okazas en la lernejo de la « Boulevard van Haelen », ĉiulunde je la 8a vespere, de la 24a de oktobro. La profesoro estas la sindona kaj lerta S-ro Verbanck, el Bruselo.

**GENTO.** — Paroladoj pri Esperanto estis farataj dum la monato oktobro ĉe la societoj *Union Wallonne de Gand, Amicale des anciennes élèves de l'Insti-*

*tut de Kerchove* kaj *Dieu et Patrie* de nia agema amiko Henri Petiau, vicprezidanto de la Genta Grupo. La rezultatoj de la klopodoj de la vigla propagandisto estis tre kontentigaj, ĉar multe da novaj adeptoj sekvas la nove malfermitajn kursojn. De nun la instruado okazas ĉe la grava societo « Cercle artistique et littéraire ».

La Genta Grupo ne forgesas la « Soldon por Esperanto »,kaj diversaj el siaj membroj partoprenos, eble dum la nuna monato, en la ekzameno pri profesora kapableco.

**PERUWELZ.** — Dum la monato septembro okazis en Peruwelz konkurso pri terkulturaj motoroj, en kiu partoprenis ne nur enlandaj, sed ankaŭ germanaj kaj francaj ekspoziciantoj.

La firmo Aldebert-Colmadin havis la laŭdindan ideon ornami la tegmenton de sia ekspozicia oficejo de du grandaj esperantistaj flagoj. Sur la pordo estis pentrita : « Oni parolas Esperante ».

Al siaj prospektoj S-ro Adelbert-Colmadin aldonas malgrandajn esperantistajn flagetojn : bonega kaj praktika propagandmaniero pro kiu ni sincere gratulas niajn Peruwelz'ajn samideanojn.

**VERVIERS.** — **Esperantista Grupo.** — Laŭ sia regularo la « Esperantista Grupo » de Verviers renovigis sian komitaton dum la ĝenerala kunveno de la 25a de oktobro. Tiu regularo postulas efektive ke ĉiu komitatano okupu nur dum 2 jaroj sian postenon.

Jen la nova komitato :

*Prezidanto* : S-ro F. Rommel, rue de Bruxelles, 87, Verviers.

*Vic-Prezidantino* : F-ino Maria Halleux, Dison.

*Sekretario* : S-ro Julien Herla, rue Rogier, 32, Verviers.

*Helpanta-Sekretariino* : S-ino Simon, rue de Liège.

*Gekomisarioj* : S-ino J. Xhoffer, F-ino Petit, S-roj Jos. Parotte, D-ro De Tiège, Jos. Pirnay kaj Ernest Lange.

Meze de la aplaŭdoj, S-no Xhoffer kun kortuŝeco dankis S-on Parotte pro la energio kaj agemeco kiujn li montris dum sia dujara prezidanteco. Per aplaŭdoj ankaŭ oni deziris bonvenon al la nova Prezidanto, S-ro Rommel.

— **Verda Stelo.** — En sia ĝenerala ĉiujara kunveno de la 2a de oktobro la « Verda Stelo » renovigis sian komitaton jene :

*Prezidanto* : S-ro Jos. Pirnay,

*Sekretario* : S-ro C. Rogister,

*Kasisto* : S-ro H. Bernard,

*Komisarioj* : S-roj H. Gierkens kaj Alf. Lauthoint.

Vespere okazis intima datrevena festo kiu plene sukcesis. La grupanoj, je la tuta nescio de S-ro Pirnay, estis organizintaj elmontron de simpatio por li, kaj donacis lin per bela kreskaĵo kaj arta memoraĵo. La sekretario esprimis al li la gratulojn kaj la dankon de la tuta anaro, kaj la festheroo, tute kortuŝita, respondis per kelkaj afablaj vortoj.

La kurso, organizita de la « Verda Stelo », kaj farata de la sindona prezidanto S-ro Pirnay, estas sekvata de tridek lernantoj.

— La jurnalo « L'Union libérale de Verviers » publikigas en sia numero de la 7a de oktobro tre legindan artikolon pri « L'Esperanto et les Médecins » (Esperanto kaj la kuracistoj).

## Het Esperanto in den Vreemde

**BULGARIË.** — Voortaan zal het Bulgaarsch tijdschrift « Lumo » versmolten worden met « Rumana Esperantisto» en verschijnen onder den gemeenschappelijken naam **Danubo.**

**DENEMARKEN.** — Een honderdtal esperantisten uit 13 verschillige natiën namen deel aan het landelijk congres,dat op 29-31 Augusti te Kopenhage gehouden werd. De besprekingen waren zeer belangrijk ; bezoeken aan de merkwaardigheden der stad en welgelukte avondfeesten vervolledigden aangenaam het programma, dat zorgvuldig opgesteld werd. Vele congresleden hebben daarna een zeer belangrijke reis in Zweden gedaan, waar zij, onder de leiding van onzen vriend Lundgren,achtervolgens bezocht hebben Malmö, Lund, Stockholm (per stoomboot tot Upsala), Karlstadt en Goteborg, met de wonderschoone watervallen van Tröllhättan.

**DUITSCHLAND.** — Zooals te voorzien was, hebben de congressen van Augsburg in deze stad en in gansch Beieren een grooten invloed gehad. De plaatselijke groep heeft zes nieuwe leergangen ingericht,die door 120 deelnemers gevolgd worden : weldra worden er nog twee nieuwe geopend. In de handelsvereeniging *Mercur* en in die der ingenieurs werden insgelijks esperantische afdeelingen gesticht.

— In Berlijn worden de winterleergangen druk gevolgd. Esperanto deed zijne intrede bij *Deutscher Bankbeamtenverein, Freie Hochschule, Humboldtakademie* en *Kaufmännischer Verband für weiblich Angestellte.* Ook bij de firma *Maggie-Gesellschaft* te Charlottenburg werd een kursus ingericht.

— Een esperantisch instituut werd gesticht te Breslau, waar daarenboven ook een esperantische werkliedenvereeniging ontstond en een leergang voor blinden. De *Humboldt-akademie* dier stad heeft op nieuw het onderwijs van Esperanto op haar leerprogramma gebracht, even als *Verband der Deutschen Handlungsgehilfen.*

— Te Leipzig werd de werkliedengroep « Frateco » gesticht, die eenen leergang geopend heeft.

— Te München wordt Esperanto onderwezen bij *Kaufmännischer Verein von 1873, Arbeiterbildungsverein* en *Süddeutsche Chauffeurschule.* Bij de Technische School en in de Universeit bestaan esperantische afdeelingen.

— In zijn Novembernummer bevat « Germana Esperantisto » een zeer

## L'Esperanto à l'Etranger

**BULGARIE.** — Dorénavant la revue bulgare « Lumo » et « Rumana Esperantisto » cesseront de paraître séparément ; elles seront publiées sous le nom commun **Danubo.**

**DANEMARK.** — Une centaine d'espérantistes appartenant à 13 nations différentes ont pris part au congrès national, tenu à Copenhague du 29 au 31 août. Les discussions ont été très intéressantes ; des visites aux curiosités de la ville et des fêtes bien réussies ont agréablement complété le programme, qui était des plus soignés. Ensuite de nombreux congressistes ont fait un voyage très intéressant en Suède, où, sous la conduite de notre ami Lundgren, ils ont visité Malmö, Lund, Stockholm (en bateau à vapeur jusqu'à Upsala), Karlstadt et Goteborg, avec les merveilleuses cascades de Tröllhättan.

**ALLEMAGNE.** — Les congrès d'Augsbourg ont eu, comme c'était à prévoir, une grande influence dans cette ville et dans toute la Bavière. Le groupe local a institué 6 nouveaux cours, fréquentés par 120 participants ; bientôt il en sera ouvert encore deux nouveaux. On a également fondé des sections espérantistes dans le cercle commercial *Mercur* et dans celui des ingénieurs.

— A Berlin les cours d'hiver sont assidûment suivis. L'Esperanto a fait son entrée au *Deutsche Bankbeamten Verein,* à la *Freie Hochschule,* à la *Humboldtakademie* et au *Kaufmännischer Verband für weiblich Angestellte.* Un cours a également été ouvert à la *Maggie-Gesellschaft* à Charlottenburg.

— Un institut espérantiste a été fondé à Breslau, en même temps qu'une association espérantiste ouvrière et un cours pour aveugles. La *Humboldtakademie* de cette ville vient de réinscrire l'Esperanto sur le programme des études de même que le *Verband der deutschen Handlungsgehilfen.*

— A Leipzig fut fondé le groupe «Frateco»,qui vient d'ouvrir un cours.

— A Munich l'Esperanto est enseigné au *Kaufmännischer Verein von 1873,* à l'*Arbeiterbildungsverein* et à la *Süddeutsche Chauffeurschule.* Il existe des sections espérantistes à l'Ecole Technique et à l'Université.

— « Germana Esperantisto » de novembre dernier contient une très inté-

lezenswaardige briefwisseling uit Antwerpen, met bijzonderheden over het 7e congres. Het artikel is geteekend « Jan » ; deze zal maandelijks de lezers van G. E. op de hoogte houden.

—Onze Duitsche vrienden hebben de stichting van een fonds ontworpen tot verspreiding van het Esperanto in hun land. Dit fonds — 100.000 Mk. — zou te zamen gebracht worden bij middel van bouwsteenen, ieder van 10 Mk., die eerst zullen geïnd worden, zoodra voor 50.000 MK. zal ingeteekend zijn.

Tot nu toe werd voor 336 bouwsteenen, ter gezamentlijke waarde van 3360 MK., verzameld.

Het « Zamenhoffonds » beliep op einde October tot 2110,46 MK.

**ENGELAND.** — « British Esperantist » van October j. l. bevat het volgende bericht van het Bureel van Openbaar onderwijs te Londen. Het is gedagteekend 27 September :

« Ik ben gelast u mede te deelen in « antwoord op uw schrijven van 23 « Juli, dat Esperanto tot de leervak- » ken behoort, toegelaten door 't bureel » van Openbaar Onderwijs, bij de » avondscholen en — klassen, onder » kap. 2 van het reglement der tech- » nische scholen. Het getal der scho- » len en klassen, aan welke toelating » voor dit onderwijs verleend werd, » bedroeg 33 gedurende het jaar 1908- » 1909. »

—Gedurende de maand Augusti werd een welgelukt esperantofeest gegeven te Windsor, waar de heer Jackson Coleman eene rede hield, die grooten indruk maakte. Onder de aanwezigen bemerkte men den Mayor dier plaats en den hr Alderman Clarke

Eerlang zal men, in Esperanto, een gidsboek van Windsor uitgeven.

**FRANKRIJK.** — Te Saint-Etienne werd een exportatiehuis gesticht, met het doel bij middel van het Esperanto, uitwegen voor de voortbrengselen der streek te vinden. Adres : rue Mulatière, 58.

Bij de nijverheidstentoorstelling te Douai (1-15 Juli) ontving de stand der plaatselijke esperantische groep een verguld zilveren eermetaal.

— Te Rijsel werd sedert 1907 Esperanto officieel onderweze bij de lagere hoofdscholen. Voor het vrijwillig examen, dat den 22-23 Juni j. l. onder het voorzitterschap van eenen schoolopziener plaats had, boden zich 257 jongens en 188 meisjes aan, respectievelijk 12 en 10 scholen voorstellende. Van deze 445 kandidaten behaalden 397 het diploma van bekwaamheid in Esperanto.

— Te Armentières worden in eene der zalen van 't Gerechtshof sedert 10

ressante correspondance d'Anvers, avec des particularités sur le 7me congrès. L'article est signé « Jan » ; celui ci promet aux lecteurs de G. E. de les tenir régulièrement au courant.

—Nos amis allemands ont projeté la constitution d'un fonds pour par la propagation de l'Esperanto dans leur pays. Ce fonds — 100.000 Mcs — serait réuni au moyen de parts de 10 Mcs chacune, qui ne seront perçues qu'après que la moitié de la somme (50.000 Mcs) aura été couverte.

Jusqu'ici il a été souscrit pour 336 parts, soit 3360 Mcs.

A la fin d'octobre c.r. le « Zamenhoffonds » s'élevait à 2210.46 Mcs.

**ANGLETERRE.** — « British Esperantist » d'octobre dr. contient l'avis suivant du Bureau de l'Instruction Publique de Londres ; il est daté du 27 septembre :

« Je suis chargé de vous communi- » quer, en réponse à votre lettre du » 23 juillet, que l'Esperanto est du » nombre des branches, admises par le » Bureau de l'Instruction Publique » pour les écoles et les classes du soir, » cités sous le chapitre 2 du règlement » des écoles techniques. Le nombre » des écoles et des classes, auxquelles » l'autorisation pour cet enseignement » a été accordé, s'est élevé jusqu'à 33 » pour l'exercice 1908-1909 ».

— Pendant le mois d'août une fête espérantiste très réussie a eu lieu à Windsor, où M. Jackson Coleman a fait une conférence qui a fait une grande impression. Parmi les assistants on a remarqué le Mayor de la localité ainsi que M. l'Alderman Clarke.

Sous peu sera publié un livre-guide de Windsor, en Esperanto.

**FRANCE.** — A Saint-Etienne il a été fondé une maison d'exportation dans le but de trouver, au moyen de l'Esperanto, des débouchés pour les produits de la région. Adresse : rue Mulatière, 58.

—A l'exposition industrielle de Douai (1-15 juillet) une médaille en vermeil a été décernée au « stand » espérantiste du groupe local.

—Depuis 1907 l'Esperanto est enseigné officiellement aux écoles primaires supérieures de Lille. 257 garçons et 156 filles, représentant respectivement 12 et 10 écoles, se sont présentés à l'examen volontaire qui a eu lieu, sous le présidence d'un inspecteur, le 22 et le 23 juillet. De ces 445 candidats, 397 ont remporté le certificat de capacité en Esperanto.

—A Armentières se donnent depuis le 10 courant, dans une des salles du

dezer wekelijksche leergangen van Esperanto gegeven door den h. Baudet, den wakkeren secretaris der plaatselijke groep. Het inrichtingscomiteit looft als prijzen aan de ijverigste deelneemers uit **een kosteloozе reis naar het esperantisch congres van Antwerpen**. Ziedaar een na te volgen voorbeeld !

**NEDERLAND.** — Ter gelegenheid van eenen kwartetwedstrijd op 28 September te Alkmaar gehouden, voerde het kwartet « Alkmara Stelo » *Kanto de Ligo* en *L'Espero* uit en verwierf den 3n prijs, een bronzen eermetaal.

Hulde aan de samideanoj, die Esperanto verspreiden bij middel van den zang !

**NOORWEGEN.** — De hr A. Bonnevie heeft een tweeden leergang geopend voor blinden. Onlangs werd de *Norvega Tutlanda Esperantista Asocio* gesticht, die wij den meesten bijval toewenschen.

**RUSLAND.** — Het Augustinummer van « la Ondo de Esperanto » wijst op een tiental Russische nieuwsbladen, die Esperanto verdedigen, waaronder een paar, die kosteloos leerboeken van Esperanto aan hunne abonnenten bezorgen. Een ander, « De gedachte der oude Kerk » deelt eene reeks artikelen over onze beweging mede en noemt Esperanto « een nieuwe genade Gods voor het menschdom ». De schrijver, N. D. Zenin, verhaalt zijne reis naar Parijs, waar hij aan het katholiek Esperanto congres deel nam en spreekt begeesterd over de verbroederende macht van het Esperanto. Het blad in quaestie beoogt slechts een louter godsdienstig doel ; het is dus opmerkenswaard welk eene beteekenis het aan onze zaak hecht.

**SPANJE.** — Leergangen van Esperanto worden opgenomen in *La Publicidad* (Barcelona), *La Escuela Moderna* (Madrid) en *Diario de Villanueva y Geltru*.

— Een leergang van Esperanto voor policiebeambten zal eerlang te Tarragona ingericht worden.

— Te Madrid werd, onder het eerevoorzitterschap van Koning Alfonso XIII, een *Esperantista milististа Asocio* gesticht ; de werkdadige vooorzitter is de hr. kapitein Jos. Peregordo. Nadere inlichtingen over deze vereeniging zijn te bekomen bij den hr. Salvador Mugica, infanterie luitenant, Centro del Ejercito y de la Armada, Madrid.

**ZWITSERLAND.** — Het congres der Zwitsersche esperantisten, dat op 1 en 2 October l.l. te Aarau gehouden werd, heeft een grooten bijval genoten De staatsraad van het kanton Aarau,

Palais de Justice, des cours hebdomadaires d'Esperanto ; le professeur est M. Baudet, le vaillant secrétaire du groupe local. Le comité d'organisation allouera, comme encouragement aux plus assidus, **un voyage gratuit au congrès international d'Anvers.** Précieux exemple à imiter !

**PAYS-BAS.** — A l'occasion du concours de chant pour quators, tenu à Alkmaar le 28 septembre, le quator de l' « Alkmaro Stelo » a exécuté le *Kanto de Ligo* et l' *Espero*, et s'est vu décerner le 3me prix, une médaille de bronze. Hommage aux samideanoj, qui propagent l'Esperanto par le chant !

**NORVÈGE.** — M. Bonnevie vient d'ouvrir un deuxième cours pour les aveugles. Dernièrement a été fondé la *Norvega Tutlanda Esperantista Asocio*, à la quelle nous souhaitons le plus grand succès.

**RUSSIE.**—Le numéro d'août de «la Ondo de Esperanto » cite une dizaine de journaux russes, qui défendent notre langue;parmi eux s'en trouvent deux, qui procurent gratuitement des manuels d'Esperanto à leurs abonnés. Un autre, « l'Idée de l'ancienne Eglise » publie une série d'articles sur notre mouvement et nomme l'Esperanto « une nouvelle faveur de Dieu pour l'humanité » L'auteur, N. D. Zenin, rapporte au sujet de son voyage à Paris, où il a assisté au congrès espérantiste catholique, et parle avec enthousiasme du puissant sentiment de fraternité que donne l'Espéranto. La revue en question ne vise qu'un but purement religieux ; il est donc très intéressant de constater quelle signification elle attache à notre cause.

**ESPAGNE.** — Des cours d'Esperanto sont publiés dans *La Publicidad* (Barcelone), *la Escuela Moderna* (Madrid) et le *Diario de Villanueva y Geltru*.

—Un cours d'Esperanto pour agents de police sera ouvert sous peu à Tarragone.

—A Madrid a été fondé, sous la présidence d'honneur de S. M. Alfonso XIII,une *Esperantista militista Asocio* ; le président effectif est M. le capitaine Jos. Peregordo. Pour renseignements plus détaillés, s'adresser à M. Salvador Mugica, lieutenant d'infanterie, centro del Ejercito y de la Armada, Madrid.

**SUISSE.** — Le congrès des espérantistes suisses, qui a été tenu à Argovie, le 1 est le 2 octobre dr, a eu beaucoup de succès. Le conseil d'Etat d'Argovie, la commune d'Ar-

de gemeente Aarau en de normaalschool voor onderwijzers van Wettingen waren bij het congres officiëel vertegenwoordigd.

Het congres van Aarau heeft aanleiding gegeven tot het stichten van eene groep in deze stad.

govie et l'école normule d'instituteurs à Wettingen, furent officiellement représentées au congrès.

Celui-ci a donné lieu à la fondation d'nn groupe à Argovie.

# BIBLIOGRAFIO

« Belga Esperantisto » nur recenzas la verkojn senditajn al ĝi en du ekzempleroj. (Adreso : Arendstraat, 26, Antwerpen.)

I. **C. L. G. Veldt**, Amsterdam.

OSCAR WILDE. — *Salomo*, dramo en unu akto (N-ro 1a de la Esperanta teatro internacia) tradukis H. BULTHUIS (14 × 21), 40 paĝoj.

Prezo : ne montrita.

II. **Imprenta International**, 1a Aduana Vieja, 4, Mexico.

RAMON LIMONES. — *Veneno*, unuakta komedio (15 × 18), 32 paĝoj. Prezo: Fr. 1.25 = Sm. 0.50.

III. **Eldono de D-ro Jos Bělohlav**, Praha (Praag — Prague).

D-ro JOS. BĚLOHLAV. — *Turnov*, kun 2 mapoj, 16 bildoj (14 × 21). Prezo : ne montrita.

IV. **Biblioteko de Časopis českych esperantistu.** Ed. Kühnl, Dittrichova ul. 7. Praha. *Scherlock Holmes en servo de la hispana trono* (14 × 21), 42 paĝoj. prezo 75 heleroj = Sd. 32.

V. **Rud. Freericks**, Helmholtztr. 3, Düsseldorf.

ERN. ECKSTEIN. — *La vizito en la karcero*, humoraĵo, kun sep originalaj ilustraĵoj de G. SUNDBLAD. El la germana lingvo tradukis RUD. FREERICKS (10 × 15), 48 paĝoj. Prezo : Fr. 0.75 = Sm. 0.30.

VI. **Esperanto Oficejo** en Pleven (Bulgarujo).

TH. CART. M. HANKEL.— *Ns ptjta za edin mejdunaroden eziki Streata Preveli dopnil.* IV. H. KRESTANOF. Bulgara traduko de *Sur la Vojo. La Renkonto* (12×18), 20 paĝoj. Prezo : 25 ct.

VII. JOHN MADDISON. — *Senditaj al Turo*, farso unuakta de F. W. HIRSLEY (11 × 21), 12 paĝoj. Nomo de l'eldonisto kaj prezo ne montritaj.

VIII. P. J. VERMAAS, Schermlaan, 42a, Rotterdam. — *De Universala Esperanto Asocio en hare beteekenis.* Prijs 15 centen = Sm. 0.14.

IX. **Esperanto-Oficejo** en Le Creuzot, 18, Place Schneider.

WILLIAM MORRISON. — *Une conquête anglaise,* comédie en 3 actes, traduit par la groupe espérantiste du Creusot, (11 × 16), 17 pages. Prix : Fr. 0.30.

X. **Presejo Josefo Doria**, str. Ros de Olano, 4, Barcelono.

SANTIAGO RUSIÑOL. — *La Ĉiama kantaĵo*, el la kataluna lingvo tradukis ALFONSO SABADELL (11 × 16), 22 paĝoj. Prezo: Fr. 0,25 = Sd. 10.

Tre delikata kaj sentimenta teatraĵeto, nur ludata de du personoj (Pieroto kaj Kolombino), kaj rekomendata al la esperantistaj grupoj kiuj organizas festojn.

XI. **Eldono de la « Belga spiritista federacio »**, sekretario A. STAS, 25, S-t Antoniusstraat, Antwerpen (Rue S-t Antoine, Anvers).

*Esperanta Psikistaro* (14 × 21), 80 paĝoj. Prezo : ne montrita.

Tiu libro enhavas tre legindajn ĉapitrojn pri la psikisaj problemoj, tradukitaj el diversaj lingvoj. La emoj de la libro estas malkaŝe esperantistaj; el la diversaj tekstoj klare aperas ke la spiritistoj opinias ke Esperanto ka Spiritismo estas intime kunligitaj. La kunlaborintoj estas ĉiuj eminentaj personoj, kiuj defendas tre elokvente siajn ideojn. La esperanta teksto estas tre korekta.

XII. **Brita esperantista asocio**, 133-136, High Holborn, W. C. Londono.

Wilhem Hauff. — *La karavano* (11 × 13), 106 paĝoj. Prezo : Fr 1.25 = Sm. 0.50. El germana lingvo tradukis J. W. Eggleton.

La verkoj de Hauff (1802-1827) estas ĉie konataj kaj ŝatataj en Germanujo. Kvam ili estas ĉiuj laŭ stilo pure germana, *La Karavano* rememorigas forte pri *mil kaj unu noktoj* ; ĝi enhavas ses tre interesigajn rakontojn, mirindajn kiel ĉiuj orientaj rakontoj. La traduko de S-ro Eggleton estas ege prizorgita kaj estas nova pruvo, ke Esperanto estas la plej taŭga diskonigilo de la tutmonda literaturo.

XIII. **Nederlanda Ligo N. M.**, Verhulststraat, 9, Hago (den Haag, la Haye), Nederlando.

*Rimedoj por la konscia regulado de l'infannombro* (13 × 21), 16 paĝoj. Prezo : Fr. 0.25 = Sd. 10.

La publikigon de tiu libreto B.E.nur citas kiel novan pruvon,ke Esperanto pli kaj pli estas uzata por pritrakti ĉiuspecajn sociajn problemojn.

XIV. **Francisco Alves & C-a**, 116, rua do Ouvidor, Rio de Janeiro.

Thomas R. Leite. — *Vortaro Esperanto-Portugala* (10 × 15), 176 paĝoj. Prezo : ne montrita.

En la antaŭparolo de tiu ĉi verko, la aŭtoro diras ke ĝi nur estas preparita por lia persona uzado, kaj ke li publikigis ĝin laŭ la deziro de kelkaj samideanoj kaj precipe de S-ro Keating, kiu ĝin revidis kaj korektis. La deziro de la aŭtoro estas ke la libro estu utila al la esperantaj lernantoj : ĝi estas ankaŭ tiu de la sukskribinto.

XV. **Librejo Kündig**, 11, Corraterie, Ĝenevo.

Ernest Naville. — *La Devo*, parolado, tradukita de René de Saussure, (11 × 16), 156 paĝoj. Prezo : Fr. 2 = Sm.0.8.

Tiu parolado pri la devo estis farata du fojojn, en Ĝenevo kaj poste en Laŭzano, dum la vintro de 1867-1868. Ĝi estis konservata per stenografado kaj unue publikigata en *Bibliothèque universelle*.

Ne estas bezone insisti pri la granda intereso, kiun povas havi por la esperantistoj traduko de verko de Ernest Naville (1816-1909), kiu estis samtempe tre fama filosofo kaj honora prezidanto de la Svisa Esperanta Societo.

La libro enhavas komparon inter la diversaj skoloj filozofistaj el la antikveco kaj la nuntempo. Ĝi finiĝas jene : *la vorto « devo » estas altega por la konscienco kaj ĝi fariĝas dolĉa por la koro, kiam estas ni komprenintaj ke amo estas bazo de l'ordono : la devo.*

Tiu ĉi verko rimarkigas sin per pruvo por anstataŭigi la supersignitajn literojn en la presejoj kie tiuj mankas. La litero ŭ estas presata u (sen akcento) ; ĉ, ĝ, ĥ, ĵ, ŝ, fariĝas c', g', h', j', s', kun posta punkto renversita. La eksperimento, laŭ mi, plene sukcesis kaj tute ne ĝenis min dum la legado.

Sed mi opinias, ke ĝi pli kaj pli fariĝos ne necese, ĉar la supersignitaj tipoj estas facile ĉie aĉeteblaj.

XVI. **Esperantoverlag Möller & Borel**, Lindenstrasse, 18/19, Berlin S. W.

Dr. Phil. A. Möbus Lübeck. — *Demonstraciaj tabeloj, pri la konstruo de Esperanto,* 8 tabeloj pri la konstruo de la lingvo Esperanto. Formato (80 × 106) Prezo : tuta serio Mk. 5. = Sm. 2,50 ; po tabelo laŭ elekto Mk. 1. = Sm. 0.5.

En tiuj tabeloj estas sinoptike montrataj : 1. Alfabeto, 2. deklinacio, 3. la numeraloj, 4. pronomoj, adverboj, 5. verbo, ĉefaj formoj, 6. konjugacia tabelo laŭ latina skemo, 7. afiksoj, 8. rolo de Esperanto.

La tabeloj enhavas do la plej gravan parton el la gramatiko esperanta. Ili povas tre utili en tiuj instruejoj, kie nigra tabulo kaj kreto mankas, kaj ŝpari la tempon kiun la skribado sur la nigran tabulon necesigas.

La tabeloj estas, senrezerve, rekomendindaj.

XVII. **Librairie H. Hachette et Cie.** 79, Boulevard St Germain, Paris.

A.) GUSTAVE GAUTHEROT. — *La question de la langue auxiliaire internationale*, (12×18), 318 pages. Prix : Fr. 3.50 = Sm. 1,4.

L'ouvrage de M. Gautherot est pour ainsi dire un pendant au livre de M. Archdeacon, dont j'ai parlé dans le numéro précédent de B. E.

En 15 chapitres il traite successivement : Le développement des relations internationales, — « l'ère de la mondialité », — opinions de savants, divers systèmes de langues internationales, — le latin et la langue internationale. — le français et la langue internationale, — l'Esperanto : ses principes, — la facilité de l'Esperanto, — l'Esperanto et les congrès, — sociétés de propagande et groupes espérantistes, — le monde espérantiste, — la langue internationale et les gouvernements, — la langue internationale et le commerce, — la langue internationale et la science, — la langue internationale et la littérature, — deux applications charitables : la croix-rouge et les aveugles, — langue internationale et internationalisme, — les réformateurs, le schisme idiste.

Voici comment M. le vice amiral Bayle apprécie le livre de M. Gautherot :

« C'est une œuvre loyale et un chef-d'œuvre d'érudition ; c'est en outre, une bonne action. L'auteur, vivant dans un milieu parfois hostile à l'Esperanto, se mit à étudier cette langue dans le but de la combattre, mais après une étude consciencieuse, faite avec cette méthode rigoureuse qu'il applique à ses recherches historiques habituelles, il en est arrivé à écrire l'ouvrage le plus complet qui ait été jusqu'ici publié en faveur de la langue auxiliaire du Dr Zamenhof. Cette conversion de l'auteur sera certainement suivie de celle de toute personne qui lira son ouvrage, car, faisant les mêmes réflexions que lui, elle deviendra un fidèle apôtre de l'Esperanto.

» Ce livre, entrepris avec l'idée première de ruiner, si possible, l'édifice du Dr Zamenhof, en sera donc un des plus fidèles soutiens, et toute notre reconnaissance, à nous espérantistes, et acquise, dès maintenant, à M. Gautherot. »

B) E. GROSJEAN MAUPIN. — *Dictionnaire complet Esperanto - Français* (10×15), 256 pages. Prix : Fr. 2. = Sm. 0.8.

Ce livre est hautement recommandable parce qu'il est complet, méthodique, d'un format commode et... bon marché.

Je cite à titre de spécimen :

**Erar—i**, se tromper, s'égarer ; — *o*, erreur ; — *a*, erroné, incorrect ; — *ego*, bévue ; — *igi*, tromper ; — *inta filo*, enfant prodigue ; — *foriĝi de la vojo*, s'égarer ; *el — igi*, désabuser ; *ne — (ig) ebla*, *ne — iva* (°), infaillible ; *pres — o*, faute d'impression ; *(pres) — aro*, erratum ; *sen — a*, exact, correct ; *sent — o*, hallucination.

Le « vortaro » est précédé d'une très intéressante introduction ; un dictionnaire français-esperanto, du même auteur, de 400 pages environ, est en préparation.

C) D. BONNEHON, inspecteur de l'enseignement primaire et A. ROSSIAUX, instituteur public. — *Petit cours primaire d'Esperanto*, en 50 leçons graduées (12×18), 118 pages. Prix : Fr. 1 20 = Sm. 0,5.

Ceci est, que je sache, le premier traité d'Esperanto qui ait été écrit pour les écoles. Les 50 leçons dont il se compose traitent de la prononciation et de l'accentuation, des terminaisons grammaticales, de la composition et de la dérivation, des mots simples, des participes et de la conjugaison. Un « appendice » expose diverses questions spéciales.

Le livre est rendu intéressant par un grand nombre de gravures, par des versions et des thèmes bien appropriés, par des lectures choisies, et par des phrases usuelles en rapport avec toutes les circonstances de la vie pratique. Un vocabulaire esperanto-français et français-esperanto le complète.

Il est appelé à un grand succès.

Les deux derniers ouvrages appartiennent à la collection de la Revuo.

AMATUS.

(°) Seulement comme terme technique.